der esperantist

Mitteilungsblatt des Esperanto-Verbandes im Kulturbund der DDR

20. Jahrgang Nr.126 (4/1984) ISSN 001 4-0619 30 Pf

M. I. Isaev

# Kulturo – faktoro en la porpaca batalo*)

Kiel oni scias, la internacia situacio pliakriĝas, kio estas sekvo de la militarisma kurso de la nuna usona administracio. Usono kun FRG, Anglujo kaj Italio, ne konformiĝante al la voĉo de prudento, jam komencis la dislokadon de usonaj mezdistancaj raketoj sur la teritorioj de kelkaj okcident-eŭropaj ŝtatoj.

Kiel substrekis antaŭnelonge forpasinta Jurij Andropov, „La nukleaj raketoj, dislokataj proksime al la limoj de Soveta Unio kaj de ĝiaj aliancanoj, estas destinitaj tute ne por defendi Okcidentan Eŭropon, ĝin minacas neniu. Pro la dislokado de la usonaj raketoj sur la eŭropatero kreskos ne la sekureco de Eŭropo, sed la reala danĝero de tio, ke Usono submetos la popolojn de Eŭropo al katastrofo."

Nun tion scias vastaj rondoj de ĉiuj popoloj, kiuj en diversaj internaciaj konferencoj diskutas la problemojn de kontraŭmilita agado.

Ekzemple, dum oktobro 1983 en Bruselo okazis konferenco de ekspertoj pri la problemo de kontraŭleĝeco de dislokado de usonaj mezdistancaj raketoj en Eŭropo. Ĝi estis organizata de la Internacia Asocio de Juristoj-Demokratoj kaj efektivigita de Belga Asocio de Juristoj-Demokratoj kaj Belga-Luksemburga Unuiĝo pri Kriminala Juro. En la konferenco partoprenis juristoj el la landoj, kie estas planata dislokado de la usonaj raketoj, kaj ankaŭ el USSR kaj Usono.

Rezulte de la vasta diskutado estis unuanime ellaborita la rezolucio, en kiu la unuan fojon estas prezentita detale internaci-jura argumentaro kontraŭ dislokado de usonaj raketoj en Okcidenta Eŭropo.

La grupo atentigis pri aparta neceso memorigi la jurajn normojn, aplikeblajn ĉi-rilate, lige kun tio, ke internacia situacio kaj vetarmado akris pli krizan ol iam ajn karakteron.

La membroj de la grupo opinias, ke nuklea vetarmado anstataŭ plifirmigi la internacian sekurecon, kiel prezentas tion ĝiaj adeptoj, kreskigas riskon de detruo de Eŭropo kaj eskaladon de ĝenerala nuklea konflikto. La vetarmado estas nun penetranta en tiujn sferojn, kie ĝi ne estis antaŭe, ekzemple, en la kosmon. Krome, kelkaj ŝtatagantoj nun malkaŝe traktas eblecon apliki la nuklean armilaron kaj perspektive venki en la nuklea milito, kiun ili nomas foje limigita, foje longdaŭra. La nuna mobilizo de la popoloj en la Eŭropa kontinento kaj ekster ĝi, celan-

ta preventon de la danĝero, kiu minacas la homaron rezulte de disvolvo de la eventoj, estu konsiderata kiel esprimo de postuloj de la publika konscio kaj de la rajto de la popoloj determini sian estonton.

La partoprenantoj de la kunsido en Bruselo, la natursciencistoj kaj juristoj, konstatas, ke nuklea armilaro per sia esenco diferencas de la klasika armilaro. Ĉiuj militoj estas malaprobindaj, sed nur la nuklea milito minacas la ekziston de la homaro.

Ni esperantistoj estas parto de la homaro, niaj landaj asocioj ankaŭ estas partoj de la popoloj de niaj ŝtatoj. Ni havas ankaŭ la saman opinion pri la problemoj de pacsekureco kaj pacagado. Tamen ni apartenas al kulturagantaj medioj kaj, laŭ mia opinio, ni povus havi ankaŭ niajn proprajn kontraŭmilitajn argumentojn.

Tio signifas, ke ni povas esplori la problemojn ankaŭ je la flanko de la kulturo.

Tio estas tre grava en nia tempo, ĉar ankaŭ kulturaj aspektoj estas vaste aplikataj en la batalo por plifirmigo de amika interkomunikado de la popoloj, en batalo por la paco. En la spirita vivo de la nuntempa homaro oni substrekas du karakterizajn tarjtojn. La unua el ili estas la treege intensa kaj vasta procedo de kultura proksimiĝo inter la popoloj, realigo de ilia strebo al interkompreno kaj kultura kunlaborado. La dua tendenco estas la polarizo de ideologiaj pozicioj, la akriĝo de lukto inter diversaj ideoj kaj mondkonceptoj. Por ni estas pli grave prilumi la unuan tendencon, kvankam ambaŭ tendencoj estas interligitaj.

La kulturo ne estas insulo. Ĝi estas ligita kun diversaj aspektoj de la homara vivo kaj agado. Estas fakto, ke en la pacaj periodoj de la historio la naciaj kulturoj disvoviĝas kaj pliriĉigas unu la alian pli intense kaj pli vaste. Pro tio batalo por la paco samtempe estas batalo por kultura evoluo.
La evoluo de kulturo estas realigo de potencaj kreaj eblecoj de la homo en la natura kaj socia mondo. En tiu ĉi procedo estiĝis kaj disvolviĝis tradicioj de popola vivmaniero kaj arto, kreiĝis grandegaj verkoj de la kulturo. Tamen la kulturaj trezoregoj povus esti pli grandaj, pli riĉaj, se ne malhelpus ilin la militoj.

Ni ĉiuj bone scias, ke la plej grandaj kulturaj atingaĵoj aperis kiel rezulto de paca laboro. Nur laboro povas krei kulturon, nur dank' al paca laboro naskiĝas kulturaj valoroj.

Laboro kaj paco estas ĉiam intime ligitaj. Kreante kulturajn valorojn, la homoj bezonas pacon. La milito ne nur mortigas homojn, haltigante la procedon de kulturkreado, eĉ kontraŭe, la kulturaj valoroj dum la milito ĉiam estas neniigataj. Laŭ la vidpunkto de progresemaj reprezentantoj de la homaro, la milito estas tute malamika al la socia naturo de la homaro. Jen kelkaj faktoj:

Dum la dua mondmilito pereis pli ol 53 milionoj da homoj. Estas menciate, ke de tio 25 milionoj estis soldatoj kaj 28 milionoj — pacaj loĝantoj. Tio signifas, ke eĉ dum la dua mondmilito pereis pli da civitanoj ol soldatoj.

La kvanto de ĉiuj pereintoj dum la dua mondmilito estas trioble pli granda ol la kvanto de pereintoj dum la unua mondmilito. Samtempe la kvanto de civitanoj-pereintoj estas pli ol 50-foje pli granda.

Estas vaste konate, ke la plej multajn oferojn donis la sovetia popolo.

Tiuj ĉi oferoj estas neforgeseblaj ne nur por la sovetia popolo, sed ankaŭ por ĉiuj objektivaj homoj de la mondo. Nun la ruinigitaj urboj kaj vilaĝoj en Soveta Unio kaj aliaj landoj estas restarigitaj. Denove disvolviĝas kaj kreskas la kulturo. Bedaŭrinde, granda parto de la financoj devas esti elspezata por armado.

Estas konataj fantastaj sumoj, kiuj estas elspezataj por armado: ĉiuminute por la produktado de armiloj la homoj elspezas 100 milionojn da dolaroj.

Sciencistoj jam kalkulis, ke nur dum la lastaj jaroj por armado estas elspezitaj ses trilionoj da dolaroj.

La deka parto de tiu ĉi sumo estus sufiĉa por likvidi sur la terglobo malsaton kaj epidemiojn.

La speciala konsultiĝa grupo de la ĝenerala sekretario de Unuiĝintaj Nacioj montris, ke tutmonda senarmiĝo povus doni al la homaro grandegajn sumojn, kiuj estus sufiĉaj por plialtigi la homaran vivnivelon, modernigi urbojn kaj vilaĝojn, likvidi mizerulajn kvartalojn kaj doni al homoj pli komfortajn loĝejojn, plibonigi kaj vastigi popolklerigadon, sanprotekton kaj socian asekuron.

Forigo de militoj el la vivo de la homaro donus ne nur materialajn rezultojn, sed ankaŭ povus resanigi la spiritan atmosferon sur la planedo. Militoj ĉiam alportis grandegan malprofiton al la spirita kulturo. Tiun ĉi malprofiton ni ne povas kalkuli pere de ciferoj. Tamen ĝi ne estas malplia ol materialaj perdoj.

Tial ni povas konstati, ke milito estas malamiko numero unu por la kulturo. Kontraŭe, paco estas amiko kaj aliancano de la kulturo. Pro tio la kulturo mem devas kontribui al paco, al ties konservado kaj profundiĝo.

Ni scias, ke la kulturo povas esti fortega rimedo kunigi homojn por agado, kiu konformas al la idealoj de humanismo. Tamen nie scias samtempe, ke la fortoj de la kulturo povus esti utiligataj ankaŭ kontraŭ humanismaj celoj. Kiam la kulturo servas al progreso, ĝi mem disvolviĝas kaj kreskas, atingante pli altan kvaliton. Tamen, helpante al reakcio, la kulturo mem perdas siajn plej bonajn kvalitojn, estiĝas mizera laŭ la enhavo, malaltigas homojn, malriĉigante ilin intelekte, infektante ilin per pesimisma sento. Kiel estas konate, scienca eltrovaĵo povas doni al la homaro aŭ ĝojon aŭ malĝojon depende de tio, kiel kaj por kio oni uzas ĝiajn rezultojn.

Post la tragedio de Hiroŝimo la geniulo Albert Einstein (Ajnŝtajn) kolere parolis pri la respondeco de nukleaj fizikistoj kaj John Bernal (Ĝon Bernel) nomis alloson de la sciencaj eltrovaĵoj al fortoj de reakcio perfido al la scienco mem.

Estas ankaŭ konate, ke du famaj sciencistoj — la soveta akademiano Eŭgeno Fedorov kaj la usona profesoro Garison Brown (Braŭn) elpaŝis kune, deklarante, ke sciencistoj estas respondecaj pri la demando por kiuj socialaj celoj servas iliaj malkovroj.

La progresemaj kulturaktivuloj ĉiam havis moralan respondecon pri la rezultoj de ilia verka agado. Tiu ĉi sento estas organike ligita kun malamo al la milito.

Estas vaste konata la humanisma traktaĵo de la germana filozofo Immanuel Kant „Pri eterna paco". En Rusio Aleksandr Puŝkin revis pri „la tempo estonta, kiam la popoloj, forgesinte malamikecon, unuiĝos en familio".

En Francio Victor Hugo (Igó) skribis pri la epoko, kiam „anstataŭ bataloj venos sciencaj malkovroj; la nacioj ne estos okupataj pri militakirado, sed pri kresko kaj edukado; ne estos plu militistoj, estos nur laboruloj; venos tempo por la sciencaj esploroj kaj inventoj; oni ĉesigos laŭdi reciprokan neniigon. Tiel anstataŭ mortigantoj alvenos kreantoj".

Niatempe progresemaj agantoj havas la eblecon efektivigi tiujn ĉi revojn pri la paco.

Estas rimarkinde, ke la disvolviĝo de kulturaj ligoj internacioj iĝas fruktodonaj nur tiam, kiam tiuj ligoj estas utiligataj por interŝanĝi verajn spiritajn valorojn, kiuj havas tuthomaran signifon, valoroj, kies ekposedo pliriĉigas la homon intelekte kaj morale.

Tiuj valoroj havas nenion komunan kun tiuj reakciaj kulturaĵoj, kiuj havas malhumanisman spiriton, estas kreitaj kaj disvastigataj por eskalado de interpopola malamikeco, rasismo, por pravigo de agresemuloj kaj malamikoj de la progreso.

La reprezentantoj de la progresema intelektularo pere de siaj spiritaj valoraĵoj, evoluo de scienco kaj arto, plifirmigas la poziciojn de la pacamaj fortoj. Grava kontribuo al tiu nobla afero estas iliaj verkoj. Oni povas doni multajn ekzemplojn.

Ni nomu la vaste konatan muzikan verkon de Ŝostakoviĉ „Leningrada simfonio", en kiu la aŭtoro genie esprimis la senton de malamo al faŝismo, kredon je venko de la vero kaj triumfo de la vivo. Kreita en la blokita Leningrado, la simfonio transdonis en emociaj muzikaj figuroj la forton kaj firmecon de la sovetiaj homoj, firmecon de la homa spirito, lukton de bono kontraŭ la malbono, de progreso kontraŭ reakcio. Kiel kolera mallaŭdo de milito kaj faŝismo aperis desegnaĵoj kaj freskoj de Picasso (Pikaso) el la serio „La milito kaj paco", kaj ankaŭ lia genia verko „Guernica" (Gernika).

La progresemaj kulturagantoj ne nur pere de siaj progresemaj laboroj, sed per tuta sia civitana konduto influas la spiritan aspekton de la popoloj. Multo dependas de ili por krei normalan internacian klimaton. Pro tio unu el la plej gravaj pozitivaj procedoj de la nuntempo estas la aktivado de la kulturagantoj en la solvo de la demandoj de milito kaj paco. En ligo kun ĉiuj progresemaj sociaj fortoj ili kapablas hodiaŭ efektive influi la firmigon de malstreĉiĝo.

Inter ili estas ankaŭ multaj burĝaj intelektuloj, konsciantaj la danĝeron de la militarisma politiko de reakciaj fortoj.

Bedaŭrinde, ne ĉiuj kulturagantoj konsideres, ke la lukto por paco kaj internacia kunlaborado estas ankaŭ ilia morala devo.

Eĉ ekzistas ankaŭ agantoj, kiuj predikas pesimismon kaj socian senrespondecon. Ili fanfaronas pri sia senforteco. El iliaj vicoj kutime aŭdiĝas voĉoj pri „nevenkeblo de milito", pri „neebleco lukti kontraŭ malbono". Iliaj teoriuloj propagandas la koncepton de historia moviĝo „laŭ la rondo", kiu konstante kaj sensence ripetiĝas, malutiligante al homoj. El tio sekvas konkludo, ke la homo havas moralan rajton resti indiferenta al la sociaj interesoj.

Eĉ ekzistas „teoriuloj", kiuj pruvas la „valoron de milito". Ili asertas, ke „sur la ruinoj de la nuklea milito estos kreitaj multe pli bonaj civilizoj".

Adeptoj de milito kutime estas kontraŭuloj de kultura kunlaboro de nacioj. Ili celas starigi unu popolon kontraŭ la alia. La politiko de pacamaj landoj celas kreskon de la internacia kultura interŝanĝo, aktivan disvastiĝon de humanaj valoraĵoj de progresma kulturo, kiuj kontribuas al pliprofundigo de konfido inter la nacioj.

En Soveta Unio oni ĉiam atribuas grandan signifon al la soci-politika aktiveco de la laborantoj en la sfero de internaciaj ligoj. Ĉi-tiun celon bone servas la Unio de Sovetaj Asocioj por Amikeco kaj Kulturaj Ligoj kun Eksterlando.

Antaŭ kvin jaroj la Unio akceptis kiel membron la Asocion de Sovetiaj Esperantistoj. Unu el la plej gravaj trajtoj de la agado de ASE estas helpo al la interŝanĝo de kulturaj valoroj en la monda skalo.

Ni, portantoj de al internacia lingvo, devas esti aparte interesitaj pri kultura interŝanĝo surbaze de Esperanto kaj devas multe fari ĉidirekte.

Kiel substrekis la Ĝenerala Sekretario de CK KPSSR Konstantin Ĉernenko, la sovetia popolo senlace daŭrigos porpacan batalon, konsiderante, ke la danĝero de la nova mondmilito ne estas fatalo.

Laŭ nia vidpunkto, la esperantistoj de la socialismaj landoj devas esti en la unuaj vicoj de la pacbatalantoj. Por plenumi tiun-ĉi nian taskon ni havas multajn eblecojn.

*) Prezentita dum la 17-a Konsultiĝo de Esperanto-organizaĵoj de socialismaj landoj, 26. — 31. 3. 1984 en Bad Saarow/GDR.

**Wiliam Gilbert**

**ĝenerala sekretario de Mondpaca Esperantista Movado (MEM)**

# Sur la vojo al naskiĝo de MEM

Tuj post la IIa mondmilito preskaŭ ĉie renaskiĝis la Esperanto-movado, malgraŭ ĉiuspecaj malfacilaĵoj, malhelpoj kaj miskomprenoj, kaj reaperis esperantaj periodaĵoj, libroj kaj broŝuroj. Post tiom da detruoj, post tiom da dramoj, malgraŭ la kolosaj taskoj, kiuj atendis la homojn por la riparo de la riunegoj, malgraŭ la pereo de multaj semideanoj dum la tumultego, Esperanto denove estis parolata, skribata, propagandata. Ĉu tio ne estas la plej bela, la plej kompleta respondo al la skeptikuloj, kiuj rigardas la Internacian Lingvon kiel senvivan artefaritaĵon?

Sed baldaŭ komenciĝis la grandaj manovroj de la monda burĝaro por izoli kaj detrui socialismon, notinde en Sovetunio. Hitler estis fiaskinta en tiu tasko, kaj en iuj kapitalistaj rondoj oni ne konsoliĝis pro la kreskanta prestiĝo de Sovetunio. La „stranga milito" de la okcidentaj ŝtatoj en 1939, post ilia senfareco kontraŭ la hitleraj agresoj en Hispanio kaj en ceteraj landoj, la malfruiĝo de la „dua fronto" ne havis alian celon ol meti Sovetunion kaj la progresajn fortojn ĝenerale en pozicion de malforteco dum kaj post la milito, fronte al la fridaj kalkuloj de la grandaj kapitalistoj.

La monda pacmovado naskiĝis en 1949 por respondi al la danĝero de nova milito, por esprimi la aspirojn de la popoloj al paco, por mobilizi ilin kontraŭ la intrigoj de la militinstigantoj. La Stokholma alvoko ludis gravan, sendube decidan rolon kontraŭ la uzo de atombombo, antaŭvidita de la usonaj generaloj por „prudentigi" la korean popolon ...

Kion faris la esperantistoj en tiu situacio? UEA daŭrigis sian neŭtralan agadon. SAT remaĉis antisovetaĵojn, ludante ofte la rolon de skismiganto ĝuste kiam la plej larĝa fronto kontraŭ la militminaco estis plej necesa kaj plej urĝa.

Iuj kamaradoj rigardis Esperanton ne nur skeptike, sed ankaŭ misfide kaj suspekteme, dirante, ke ĝi estas „kosmopolitaĵo serve al la trustoj", kaj la sintenado de iuj esperantistoj en tiu epoko de malvarma milito ne helpis rebati tiun ĉi opinion. Tamen ankaŭ en la socialismaj landoj la esperantista movado revekiĝis kaj esperantaj revuoj aperis, notinde „Internacia Kulturo" en Bulgario ekde 1946, „El Popola Ĉinio" ekde 1950 k. a., kaj ili arde levis la standardon de la paco. En Francio la organo de Labor-Esperantista Federacio (FET) „Le Travailleur Espérantiste" ankaŭ gvidis la saman batalon. Pro la danĝera internacia situacio oni pli kaj pli bezonis akcenti la porpacan batalon en la esperantista movado. En 1952 brita esperantista packomitato ekeldonis bultenon kies titolo estis „Nova Pacilo". En Ĉeĥoslovakio R. Burda eldonis bultenon „La Pacdefendanto". En 1953 ekaperis informilo de „Aŭstria Pacrondo Esperantista", al kiu evidente ligiĝas la nomo de A. Balague.

Sed tiuj ĉi iniciatoj estis iom izolitaj unuj de aliaj kaj kondamnitaj al efemereco. Oni bezonis internacian organizon. Jam en 1951 estis planita la kreo de „Internacia Ligo de Progremsemaj Esperantistoj" (ILPE). La ideo venis el Ĉeĥoslovakio kaj vekis grandan esperon. Jam ekzistis alia internacia organizaĵo, nome „Sindikata Esperantista Asocio Tutmonda" (SEAT), kies sidejo estis unue en Francio, sed kiu bedaŭrinde ne sukcesis havi vere internaciajn vivon kaj anaron.

Kio estis SEAT? Ĝi havis efermeran vivon kaj pro tio ne estas multe konata de niaj kamaradoj. Ĝi estis kreita en

1949 laŭ la iniciato de franca k-do R. Ferdinand, kiu mortis pro grava malsano fine de 1950 en la aĝo de 37 jaroj. Certe mankis al ni poste tiu sindonema kaj kompetenta pacdefendanto. Ni honorigu lin, ne lasu lin en forgeso! SEAT kompreneble provis labori sur sindikata kampo. Por povi kompreni ties motivojn sufiĉas legi jenajn liniojn eltiritajn el ĝia organo „Esperantista Sindikatano":

„Streĉo en la internaciaj rilatoj inter la registaroj malhelpas de nun furktodonan kunlaboradon interne de MSF (Monda Sindikata Federacio)." Tiun strangan rezonadon faris i. a. iuj delegitoj en januaro 1949 por pravigi skismon en MSF. Milito minacas: estu la laboristoj dividitaj! Al tio prave respondis Louis Saillant, la ĝenerala sekretario de MSF: „La nuntempa streĉo inter registaroj estas suplementa motivo por ke la laboristoj de la mondo unuigu siajn strebadojn en la porpaca batalo. Kie la registaroj fiaskas, al unuigitaj laboruloj povas sukcesi kiam iliaj sindikataj organizaĵoj ne havas alian prizorgon ol reprezentadon kaj defendon de la interesoj de ĉiuj siaj membroj".

Ekde septembro/oktobro 1950 „La Esperantista Laboristo", organo de FET, prezentiĝis kiel „Esperanto-servo de la Esperantista Sindikatano", kio ŝparis la eldonadon de la bulteno de SEAT. Sed „La Esperantista Laborista" jam estis kondamnita al forpaso pro financaj kaŭzoj. (Ĝi nun denove aperadas en pli modesta formo, sed tute regule.) En sia 3a kongreso SEAT decidis aliĝi al ILPE, tamen ILPE resits bela revo kaj SEAT jam iĝis mortinta ...

En tiu epoko la progresemaj kaj pacdefendaj esperantistoj do ne havis internacian ligilon, ne povis komune organizi sian aktivecon en sia granda plimulto disponis nur pri efemeraj bultenoj, renkontis miskomprenon kaj en laboristaj organizaĵoj kaj ĉe la cetera esperantistaro ... Tamen en 1952 „la mavarma milito estis en plena kulmino. La reala danĝero de nemezurebla detrupova milito ŝajnis neprokrastebla. La mondaj fortoj de pacamantoj disvolvis grandegajn klopodojn por mobilizi la publikan opinion kaj eviti teruran murdadon" (A. Balague en: Kio estas MEM, 1968).

Kion fari? Ĉu la esperantistaro restos for de la necesa batalo kontraŭ la militminaco?

La propono de nia karmemora A. Balague organizi internacian renkonton de esperantistaj pacdefendantoj en St. Pölten (Aŭstrio) en 1953, povis aspekti kiel iniciato sen granda perspektivo, sed ĝi respondis al la aspiroj de multaj esperantistoj en la tuta mondo en streĉa, maltrankviliga situacio. La konsekvencoj de tiu unua renkonto ne estis tuj evidentaj, des pli, ke en St. Pölten troviĝis nur dudeko da samideanoj, nur el kapitalismaj landoj.

Des pli sagaca estis la iniciato de A. Balague. Li komprenis, ke la pacmovado estis la plej favora grundo, ĉar la monda situacio tiam metis la problemojn de paco kaj milito en la unuan rangon, ankaŭ ĉar la defendo de la paco nepre ligiĝis al kompreno inter la popoloj, kiu estas iom specifa afero de ĉiu sanmensa esperantisto. Sed li komprenis ankaŭ, ke la kreota movado nepre bezonis internacian ligilon kaj lia propono eldoni ĝin sinsekve en diversaj landoj tranĉis la gordian nodon, kiu fiaskigis ĉiujn antaŭajn spertojn. Li batalis kun sia vervo kaj ardo, kaj konvinkis nin.

La renkonto de esperantistaj pacdefendantoj en 1953 estis do la turnopunkto al nova erao, kiu donis al ĉiulandaj pacamikoj unikan armilon MEM, kies prestiĝo estas nun nekontestebla, kun la centra organo „Paco" de tiam aperanta. Necesas tamen aldoni, ke la partopreno de socialismaj landoj en nia movado estis la decida afero, kiu poste al ĝi kaj al nia revuo donis ilian nuntempan efikecon kaj prestiĝon, ĉar en la kapitalismaj landoj, sub influo de la burĝa propagando, tro da homoj, inkluzive de esperantistoj, rigardas la pacmovadon kiel komunistan insidon, aŭ simple ne konas ĝin — kaj niaj aktivuloj tie devas alfronti financajn problemojn ofte ne solveblajn.

Mi volas saluti ĉi tie la pionirojn de tiu malfacila irado al kreo de inter-

nacia, tutmonda organizaĵo porpaca kaj progersema. Mi jam menciis A. Balague, R. Ferdinand, R. Burda. Necesas mencii ankaŭ d-ron L. Márton, kiu transprenis la taskon de ĝenerala sekretario de SEAT, M. Robineau, d-ron B. Szemenyei, J. Coen, E. Paraige, F. Debaene, kvankam citante nomojn oni ĉiam riskas ricevi riproĉojn pro nekompleta listo.

Kion konkludi? Ni povas esti fieraj pri la pioniroj de la esperantista pacmovado kaj pri la sukcesoj de MEM, kvankam tiuj lastaj estas ankoraŭ modestaj. Se nuntempe Monda Packonsilantaro agnoskas nian movadon, se oni komencas rigardi nin kun pli da simpatio, se iuj packomitatoj komencas akcepti Esperanton kiel laborlingvon kun aliaj naciaj lingvoj, se morgaŭ ni atingos pli „palpeblajn" sukcesojn, tion ni ŝuldas grandparte al la pacienca kaj serioza sintenado de niaj aktivuloj, kiuj ne pretendas alporti al la mondo la novan religion, sed agadas konkrete kiel veraj aktivuloj de la paco, kiuj ne prezentas la lingvon internacian kiel panaceon, sed kiel instrumenton.

Modestaj ni restu: aliaj samideanoj laboras sur aliaj kampoj kaj atingas sukcesojn. Sed la paco koncernas ĉiujn senescepte. Nia movado konstante memorigas tiun memevidentecon al la tuta esperantistaro kaj tio estas ĝia ĉefa merito: se MEM ne ekzistus, ni devus nepre inventi ĝin!

(El la broŝuro „Koncize pri MEM 1953 — 1978, Prago 1978, p. 3 — 7)

### Faraono pere de Esperanto en la mongola

La kuracisto el GDR, Helmer Koch, 1982/1983 laboris en Mongolio kaj tie ankaŭ havis kontakton kun mongolaj esperantistoj. La 15an de decembro 1982 li havis interparolon kun Dogsüren, profesoro pri malnova mongola kaj tibeta lingvoj, ĉe la Universitato de Ulan Bator. La profesoro rakontis al Helmer Koch, ke li tradukis el Esperanto la romanon „Faraono" de Prus en la mongolan. 1982 la unua volumo estis aperinta en la librovendejoj kaj la aliaj du volumoj sekvas.

## Recenzoj

### Sindefendologiaj Studoj 1. Red. J. Novak.
### Ĉeĥa Esperanto-Asocio. Prago. 1983. 94 pĝ.

Jen denove prisporta eldonaĵo el ĈSSR: Artikolaro de sindefendologiaj studoj. Tri aŭtoroj, kiuj verkas ankaŭ nacilingve, pli malpli kolektive verkis tiujn originalajn artikolojn pri ĵudo kaj similaj sindefendaj sportoj. Temas pleje pri evertoj (speciala batalago). Multaj desegnaĵoj, bona sistemeco kaj profundaj teoriaj klarigoj distingas la broŝuron. Fine de ĉiu artikolo oni trovas referencan liston, vortareton, liston de fakaj terminoj kaj ĉeĥan resumon. La eldono de ĉi tiu verko estas taksenda kiel riĉigo de nia faka literaturo kaj taŭga kontribuo al elformiĝo de sporta terminaro. Michael Lennartz

### Monumenta verko: Hungara Antologio

En la jaro 1983, precize antaŭ la 68a Universala Kongreso de Esperanto aperis en la prestiĝa Corvina-eldonejo la monumenta beletra verko „Hungara Antologio". Tiun 448 paĝan panoramon de la hungara literaturo en Esperanto traduko redaktis Vilmos Benczik. Antaŭis tiun libron la samtitola verko, redaktita de Kálmán Kalocsay, kiu aperis 1933 kaj enhavis 171 verkojn de 51 aŭtoroj. La nova antologio de Benczik enhavas 241 verkojn de 73 aŭtoroj, ekde la 18a jarcento ĝis la plej modernaj tempoj. Entute kunlaboris 28 tradukistoj. La plimulto de la tradukoj estas el al plumo de Kalocsay. Multon ankaŭ tradukis P. A. Rados, M. Fejes, V. Benczik, J. Varga, T. Szabo, L. Tárkony k. a. La hungaraj aŭtoroj estas skize prezentitaj. Al la libro estas aldonita „Listo de libroformaj beletraj tradukoj el la hungara lingvo" en Esperanto, entute 43 titoloj. La libro estas elstara donaco kaj do multkosta: 75 markoj. Mendu ĝin ĉe: Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Straße 9. —e

### RIMARKO PRI RECENZO

En „der esperantist" 2/1983 sinjoro Lennartz recenzis mian libron „Europäische Hochsprache oder Sprachimperialismus?". Mia ideo estas, ke la venko de Esperanto en la landoj de la Eŭropaj komunumoj nepre progresigus Esperanton ankaŭ en la socialismaj landoj, kaj inverse, ke oficialigo de Esperanto en la socialismaj landoj nepre havus kiel konsekvencon la oficialigon de Esperanto ankaŭ en la landoj de la Eŭropaj komunumoj. Ĉar mi tute ne estas kompetenta pri la orient-Eŭropa Esperantismo, mi provas interesigi almenaŭ la legantojn en okcidenta Eŭropo. Ĉiu fosu la sulkon, kiu estas la lia. Tio ŝajnas al mi rekomendinda procedo por nia komuna afero. — La frazo prilingve kritikita je la fino de la recenzo ne estas mia, sed Zamenhofa. Rikardo Ŝulco

Antaŭ 65 jaroj: Hungara Konsilia Respubliko

Zoltán Barna / Ervin Fenyvesi

## Esperanto-movado dum la Konsilia Respubliko

**Antaŭ 65 jaroj, la 21a de marto 1919, estis proklamita en Budapeŝto la Hungara Konsilia Respubliko. Dum 133 tagoj ĝi pruvis sub plej malfacilaj kondiĉoj sian mobiligan forton.**

**La Ruĝa Armeo de la Konsilia Respubliko tamen ne eltenis la superpotencon de la malamikaj intervenaj trupoj kaj de la interna kontraŭrevolucio. Sekvis la teroro de la faŝista Horty-reĝimo. „Pli riĉaj je spertoj, kun fortoj ni rekomencos la batalon por la diktaturo de la proletaro", diris Béla Kun dum la lasta kunveno de la Centra Konsilio de la Laboristoj kaj Soldatoj. Dum la 133 tagoj ankaŭ la laboristaj esperantistoj ludis interesan rolon. Pro tio ni represas la artikolon de Barna kaj Fenyvesi, aperinta en „Hungara Vivo" 1/1979. Ni krome menciu, ke la eldonejo EKRELO en Moskvo/Leipzig (Eldon-Kooperativo de Revolucia Esperanto-Literaturo) eldonis 1930 en Esperanto dokumentan libron „Cent tridek tri tagoj de Sovet-Hungario".**

**Ĝin reeldonis en la jaro 1979 Hungara Esperanto-Asocio, sub la titolo „Cent tridek tri tagoj. Historio skizo de hungarlanda proletara revolucio" kun aldona ĉapitro de Z. Barna / E. Fenyvesi „Esperanto-movado dum la revolucioj" (p. 208 — 217).**

La florado de la hungara Esperanto-modvado dum la burĝa revolucio en 1918/19 memkompreneble daŭris, eĉ pliiĝis post la venka tago, la 21-a de marto 1919, kiam la laboruloj sensange transprenis la potencon en Hungario. Libere funkciis la esperantistaj organizoj, la plejparte intelektula HES, la laborista HESL, ankaŭ la Propaganda Komitato de IL, tiu sukcesa tendaro de aŭtoritathavaj simpatiantoj. Inter la novaj cirkonstancoj ŝanĝiĝis konvene la roloj ene de la movado.

La laborista societo apartenis dekomence al laborista partio, kaj nun al la reganta unuiĝinta laborista partio. HESL fariĝis do ligilo inter la tuta movado kaj la ŝtataj organoj. Membroj de HESL, komunistaj esperantistoj plenumis, gravajn oficojn en la ŝtato, en la partio, kaj ili fervore utiligis siajn eblojn por helpi la movadon en la plivastiĝinta horizonto de la Konsilia Respubliko.

La membroj de HES gvidis lingvo-kursojn, instruis, kaj direktis la propagandon, precipe pere de la Propaganda Komitato de IL. Ni klarigu nun almenaŭ skize la novajn bazojn de tiuj agadsferoj. La nova respubliko kreis grandiozan planon por instruado de la popolo, por levi alten la kulturnivelon, konsiderante la egajn mankojn, kiujn postlasis la antaŭrevoluciaj reĝaj registraroj. La ampleksa kleriga plano — tiutempe la plej demokratia kaj progresema en Eŭropo — entuziasmigis la intelektularon de Hungario. Por efektivigi ĝin alviciĝis eĉ tiaj progresemaj intelektuloj, kiuj idee akceptis la proletan ideologion de la Konsilia Respubliko.

Laŭ tiu plano la tuta publika instruado estis transformita. Anstataŭ la kvarklasaj, oni organizis 8-klasajn bazlernejojn — senpagajn kaj devigajn. Laŭ la nova mezlerneja instruprogramo la gimnazianoj devis lerni du fremdlingvojn, kaj inter la elekteblaj lingvoj estis ankaŭ Esperanto! Unuafoje en Hungario estis Esperanto oficiale egalrajtigita per tio, kaj permesita ĝia lerneja instruado.

Jam en marto fondiĝis la Societo de Esperanto-instruistoj, kaj baldaŭ komenciĝis instruado de Eo en 12 mezlernejoj de Budapeŝto. La kostojn, la honorarion pagis la Komisariato de Publika Instruado (ministerio), samtiel por la miloj da afiŝoj, kiuj propagandis la IL-on. Por la plenaĝuloj oni organizis tn. „liberajn lernejojn" senpagajn, tie oni instruis ankaŭ Esperanton, precipe en la ĉefurbo. Estis kreitaj apartaj lernejoj por la junaj laboristoj pri fakaj kaj ĝeneralaj konoj, kaj inter tiuj estis instruita ankaŭ Esperanto.

Dum majo jam fondiĝis E-grupo de Junlaboristoj en ejo de HESL.

Estas inde mencii la multajn lingvokursojn tiutempe, eĉ en la laborejoj, i. a. en la Fremdultrafika Oficejo, ĉe fervojistoj kaj poŝtistoj, ĉe la Ruĝa Gvardio (polico). Tie ĉe 200 ruĝgvardianoj partoprenis la kursojn, kiujn gvidis lerta propagandisto, oficiro Ágoston Marich, post sukcesa artikolserio en la gazeto de la Ruĝgvardio. La jam menciita Pál Robicsek, nun komisaro de la poŝto, apogis la aferon per pluraj dekretoj; i. a. li fondis Eo-Fakon en la instrua sekcio de la poŝto, en kies Budapeŝta centro lernis baldaŭ ducent poŝtoficistoj la IL-on. Nature, ankaŭ la esperantistoj en provinco, precipe en industriaj urboj ekviglis, kaj en la publika informado, kaj per kurso-organizado: dum tiu revolucia printempo okazis preskaŭ 40 kursoj en la lando! Oni vendis komence de la jaro pli ol tri mil lernolibrojn, almenaŭ mil personoj konatiĝis do kun la IL dum la 133 tagoj de la Konsilia Respubliko. Inter la militaj cirkonstancoj, ege ĝenantaj la tiaman vivon, disvastigo de IL atingis seriozajn rezultojn; ties fruktoj prezentis sin dum la posta, peza kontraŭrevolucia epoko.

En la ĉefurbo la centro de la movada vivo fokusiĝis en la bela nova klubejo de HESL (en eksa burĝa palaco sur avenuo Üllöi). Prelegoj, prezentadoj sekvis unu la alian tie ĉi; en la montaro de Buda komunaj ekskursoj kunligis la verdan familion. En la granda demonstrado je la 1-a de Majo la esperantistoj kune marŝis sub la verda standardo. Unu monaton poste, okaze de datreveno de la Unua Libro preskaŭ ducent esperantistoj solenis ĉe la amfiteatro-ruinoj de Aquincum kaj kantis en ĥoro Esperantlingve la Internacion, traduktitan por tiu okazo de Kalocsay.

Ankaŭ la Propaganda Komitato funkciis sukcese. Ĝia honora prezidanto estis la jam menciita Rudolf Rajczy, populara ŝtata funkciulo, fervora esperantisto. Oni aperigis la grandformatan gazeton HUNGARA REVUO por informi la mondon pri vivo de la Konsilia Respubliko. Ĝis somero 5 numeroj iris eksterlandan, senmaskigi la kalumniojn de la malamika burĝa gazetaro pri la proleta ŝtato (bedaŭrinde restis en Hungario nur unu ekzemplero de ili). La Komitato — per helpo de la Komisariato de Internaj Aferoj — dissendis tiun revuon al 12 landoj, precipe al redaktoroj de laboristaj gazetoj kun la peto, traduki kaj publiki la artikolojn. La Komitato tradukigis kaj dissendis al eksterlando ankaŭ aliajn tekstojn. En tiu serio aperis la libreto de Béla Kun: „Kion volas la komunistoj?", kiun esperantigis Paŭlo Balkányi. Telegramoj kaj leteroj de alilandaj sindikatoj, laboristaj partioj kaj E-grupoj venintaj kvazaŭ responde al tiu agado, esprimis solidarecon kun la Hungarlandaj esperantistoj kaj laboruloj.

Eble la pinto de la enlanda propagando de la Komitato estis la Dua Esperanto-Tago en urbo Györ (djör) fine de aprilo, kie ĉeestis centoj da esperantistoj el al tuta lando. La libera evoluo de la E-movado, kvankam forte subtenata de la proleta potenco, kaj malgraŭ la vastaj sukcesoj atingitaj, ne povis daŭrigi sian venkan vojon. Mallonga la tempo, malpaca la ĉirkaŭanta mondo, tiuj estis kontraŭaj al la Konsilia Respubliko, kiu devis sin armile defendi. Batalante kontraŭ la eksterlandaj atakoj la hungara revolucio falis, ĉesis por longa tempo ties progresemaj aspiroj, aŭ nur inter mizeraj cirkonstancoj kaj grandegaj malfacilaĵoj oni devis por ili plu barakti.

La kultura sinteno de la Konsilia Respubliko, ĝia amika rilato al Esperanto igis simpatiantoj ankaŭ la ne-socialistajn esperantistojn. Post la malvenko, kiam la kontraŭrevolucia gazetaro strebis ĉiamaniere malhonorigi la proletan ŝtaton, niaj E-gazetoj eĉ unu atakan vorton ne skribis, sed male, objektive menciis la tiamajn rezultojn de IL.

La malvenkon sekvanta „blanka" teroro prenis viktimojn ankaŭ el inter la esperantistoj. Post mortigo de Rudolf Rajczy, la Hungara Esperantisto kuraĝis publiki nekrologon, verkitan de religiema esperantisto: „. . . lia sorto estis tiu de la martiroj . . . kiuj . . . volis efektivigi la humanon pacon,

Sergej Anikejev

# Tradukaj damaĝoj aŭ mistradukoj

**Rakonto pri tio, kiajn turmentojn spertas tradukisto, ĉar ajna ties fuŝfaro rezultigas kuriozaĵojn, kio okazas plejofte tiam, kiam li alfrontas lingvofenomenojn de plursignifeco kaj homonimeco aŭ renkontas malfacilegajn idiomaĵojn, trafe nomataj „idiotismoj", parte pro tio, ke ili ne estas tradukeblaj rekte kaj laŭvorte en aliajn lingvojn.**

Iufoje mi legis, ke francaj lingvistoj ekmeditis pri la demando: „Kiaj ŝanĝoj okazas al teksto post la tradukado en aliajn lingvojn?" Kaj primeditinte ili eksperimentis. Oni sidigis ĉe rondan tablon 14 la plej spertajn tradukistojn diversnaciajn. Ĉiu scipovis lingvon de sia dekstra najbaro. Tiam ili ekkomencis. La unua estis germano, li lanĉis laŭronde la frazon: „La arto de bierfarado estas same malnova, kiel la historio de l'homaro." Lia najbaro, hispano, tradukis en sian gepatran lingvon kaj transdonis la skribaĵon al sia najbaro ... Kiam la teksto, trapasinta ĉiujn tradukistojn, revenis al la germano, al tiu restis nenio, sed senhelpe levi la ŝultrojn. La proponita de li komence de l' eksperimento aforismo post la enmiksiĝo de la tradukistoj tekstis jene: „Ekde pratempo la biero estas la plej ŝatata trinkaĵo de l' homaro."

Similan duonŝercan, duonseriozan eksperimenton oni priskribas en la ruslingva libro subtitole „Vojaĝo en vorton", kiun aŭtoris E. Vartanjan.[1]) Ĉi tiu eksperimento estas interesa pro tio, ke ĝi permesas sekvi kiel laŭgrade de lingvo al lingvo dum ĉiu etapo de tradukado teksto ŝanĝiĝas konforme al strukturo, spirito de ĉiu idiomo kaj certe depende de gusto de tradukantoj.

En la eksperimento oni invitis partopreni profesiajn tradukistojn, instruistojn kaj studentojn el aro da altlernejoj de Moskvo.

Ĉiu invitito bonege posedis du respektivajn lingvojn. Oni devis preni tekston de sia kolego kaj tradukinte ĝin en la alian lingvon, transdoni pluen al vica tradukisto. La partoprenintoj de l' eksperimento estis akurataj, diligentaj kaj konsciencaj kiel ĉe la ricevo, tiel ĉe la transdono de la tradukata teksto.

Kiel provtekston oni prenis la fragmenton el la verko de N. Gogolj „La rakonto pri tio, kiamaniere ekkverelis inter si Ivan Ivanoviĉ kaj Ivan Nikiforoviĉ".

Temis pri la frazo, per kiu la granda verkisto karakterizis la rolantinon de la rakonto Agafja Fedosejevna: „Ŝi klaĉis kaj dum matenoj manĝis kuiritajn betojn kaj bonege sakris — kaj dum ĉi tiuj malsamaj okupoj vizaĝo ŝia eĉ ne por momento ŝanĝis la mienon, kion ordinare povas elmontri nuraj virinoj."

---

daŭrigo de p. 81

kulturprogreson por la homaro, kaj kiujn la skeptika mondo repuŝis, kaj la amaso krucumis." (HE 1920. febr.).
La pastro kaj deputito Sándor Giesswein, gvidanto de HES, eĉ pli akre esprimis sin en la parlamento, protestante kontraŭ la blanka teroro, kiu „je nomo de la kristana nacia renaskiĝo murdis amase komunistojn, sindikatanojn, laboristojn kaj kamparanojn."
Nek teroro, nek misfamigo povis forgesigi inter esperantistoj la Konsilian Respublikon, kiel epokon de altaj sukcesoj por nia movado.

(El „Hungara Vivo" 1/1979)

La tradukistoj, ricevinte la tekston, eklaboris.

Se en la angla versio nemulte ŝanĝiĝis, do en la germana la neŭtra vorto „klaĉis" transformiĝis en esprimivan „klaĉaĉis", dum la vizaĝo restis „tute senmiena", tia, kian povas fari ĉiu virino".

La sekva ĉenero estis la japana lingvo. Havata de ĝi trajto de rafiniteco devigis la tradukiston anstataŭigi la emocian „klaĉaĉis" per la pli neŭtrala „babilaĉis", sed „uzis sian malpian langon" kaj ne plu nur „blasfemis", sed komencis certe „erupcii insultajn malbenojn".

Preninta la stafeton franco finis la unuan etapon de la lingvistika eksperimento jene: „Ŝi havis kutimon uzi sian ŝliman langon, kiam manĝis buljonon el betoj, el ŝia buŝo elfluis torento da insultaj vortaĉoj kaj dum ĉio ĉi eĉ ne iomete variis la mieno. Tiel kondutas ĉiuj virinoj."

Kvankam ĉi tiu versio de la fragmento jam grave malsamis de la originalo, veraj misaventuroj de la traduko nur ĵus komenciĝis.

Pasinte tra la indonezia lingvo, kiu ne distingas personajn pronomojn „li" kaj „ŝi", poste tra la nederlanda kaj turka, la frazo jam sonis jene: „Dum virino, manĝante likvan kuiraĵon el betoj, elbuŝigadis sakraĵojn, viro sin okupis pri babilaĉado. Ili faris ĉion ĉi ne elmontrante siajn sentojn, kiel estas kutime ĉe l' virinoj."

En la hispana preskaŭ nenio ŝanĝiĝis, sole anstataŭ la vorto „elbuŝigadis" estis uzita „elĵetadis". El la hispana en la joruban idiomon tradukis loĝanto el Sudano. Li kreive faris la laboron, aliiginte la konkretan „kuiraĵo el betoj" en la malkonkretan „kuiraĵo el fruktoj de la tero" kaj la malkonkretan „sin okupis pri babilaĉado" en la konkretan „fanfaronaĉis per siaj falsaj heroecoj".

La vica tradukanto, mastranta la joruban, retradukis la tekston. „Fruktoj de l' tero" fariĝis simple „fruktoj", „elĵetadis sakraĵojn" pliĝustiĝis kiel „Elĵetadis nekonvenajn umojn", l' esprimon „fanfaronaĉis per siaj falsaj heroecoj" transdonis per la angla idiomaĵo „distamburis".

La novan legon de la fragmento plue oni elangligis en la idiomon de l' afrika tribo bambara'o kaj el ĝi denove en la francan, kie „umoj" fariĝis „aĵoj" kaj post ĉi tio en la italan: „Ŝi trinkis kompoton kaj elĵetadis el la domo nenecesajn aĵojn, dum li tamtamis esprimante kvazaŭ virinecan ekzaltecon".

Kialoj de tia transformiĝo estas evidentaj. „Likva kuiraĵo el fruktoj" — sendube kompoto: „Distamburis" ne nepre oni devas kompreni malrektsence, kaj kie tamburoj, tie estu ankaŭ tamtamo!

La evoluado de pensoj novdirekten okazis absolute laŭlogike. En la ĉeĥan „nenecesaj aĵoj" estis tradukite kiel „aĉaĵaroj", sub la influo de „tamtamo", „domo" malgrandiĝis je „kabano" kaj „virineca ekzalteco" estis anstataŭigita per la konciza senrezerva „ekzaltite". Norvego decideme korektis la ĉeĥan version: ne „ekzaltite", sed „Ĝojege". Svedo stilfigure ordigis la frazon per la adverba participo: „Eltrinkinte kompoton, ŝi ...".

Sed jen ekestis finfine lasta fazo de l' eksperimento — la traduko reen en la lingvon de l' originalo. Nun post konsciencaj penaj klopodoj fare de 20 tradukistoj, suferinte tradiciojn, regulojn, spiritojn kaj apartaĵojn de diversaj lingvoj, la fragmento el la verko de N. Gogolj transformiĝis en la stulte ridgajn liniojn: „Eltrinkinte kompoton, ŝi elĵetis el la kabano aĉaĵarojn, kaj li ĝoje sonigis tamtamon".

La cirko fermiĝis. Efikis meĥanismo de „difektita telefono". Elinter 34 vortoj de l' originalo la finalon atingis nur unusola: la persona pronomo „ŝi". Kaj la elcento da ĝuste tradukita penso egalis nulon helpe de kolektiva laboro de la tradukistoj. La sola konsolanta fakto estas, ke la tradukeksperimento estis okazigita ne dum la vivo de N. Gogolj.

[1]) Ed. Vartanjan: Puteŝestvie v slovo. Moskva 1982 (2-a eldono)

D-ro István Nagy

## Pensoj pri lingvo, movado kaj ceter'

Esperanto estas lingvo, la movado necesas por disvastigi la lingvon. Eĉ hodiaŭ la plej malfacila problemo estas „kiel" disvastigi Esperanton? Pri tio pli poste.

Esperanto dum cent jaroj faris grandan evoluon kaj niatage ĝi estas agnoskita kiel vivanta, parolata lingvo. Tamen ni ne hontu konfesi, se ĝi devas ankoraŭ evolui samkiel ĉiuj aliaj lingvoj. Nur la grado de ilia evoluo estas malsama. La Plena Analiza Gramatiko kaj la Plena Ilustrita Vortaro ne nur faciligas la evoluon, sed certagrade unuecigas la lingvon. Mi diris certagrade, ja la du baz-verkoj ne estas devigaj kiel la dekses gramatikaj reguloj de Zamenhof. Kelkaj verkistoj kaj tradukistoj ne prenas ilin en manojn aŭ nur tiujn partojn akceptas, kiuj kongruas kun iliaj opinioj. Do, la unuecigo ankoraŭ ne estas certigita. Stariĝas du demandoj. Kial estas redaktataj la vortaroj? Ĉu la vortoj de la vortaroj estas devigaj por la uzantoj? La respondon al la unua demando ĉiu scias. Lingvon ellerni, verki, traduki sen vortaroj ne eblas. Se mi konsultas miajn hungaran-germanan aŭ germanan-hungaran vortarojn, mi eĉ por momenton ne hezitas, ĉu la germanaj vortoj estas oficialaj, en germanlingvaj ŝtatoj parolataj kaj ĉu la esprimoj estas uzataj en la germana lingvo, do ili ne estas anglismoj, slavismoj. Kaj en nia lingvo? En niaj vortaroj (ankaŭ en PIV) troviĝas la oficialigitaj kaj la ankoraŭ ne oficialigitaj vortoj, pri kies sorto unue la vivo, poste la Akademio decidos, ĉu ili estos oficialaj aŭ ne. La oficialigo de la vortoj celas unuecigi la lingvon, ke la esperantistoj per la samaj vortoj parolu, verku, traduku. Do, ilia uzo estas deviga, bedaŭrinde nur principe. Kaj la aliaj, la neoficialaj vortoj?

Preskaŭ senescepte en ĉiu verko oni trovas ankaŭ tiujn „aliajn vortojn", kiuj eble neniam estos oficialaj, eĉ kiujn multaj legantoj tute ne komprenas. Sed ekzistas ankaŭ la tria kategorio, kiam la tradukisto aŭ la verkisto faras, prunteprenas vortojn el sia gepatra lingvo aŭ el la grandaj lingvoj. Oni povas verki esperantlingvan romanon, en kiu la granda parto de la vort-trezoro konsistas el neoficialaj kaj — mi nomas ilin —, el „aŭtoraj vortoj". Kompreneble gramatike la romano estas absolute bona. Ĉu ĝi estas esperantlingva romano?

Mi jam aŭdas la respondon. Ne povas okazi tuj la oficialigo de iu nova vorto. Vere. Sed se ili troviĝas en la oficiala vortaro de la lingvo, ĉu la celo ne estas, ke ili estu uzatoj? La vortaroj ne enhavas neuzendajn kaj neuzindajn vortojn. Jen la demando: Kiel paroli, verki, traduki? Ĉu per la oficialaj vortoj? Ĉu per ĉiuj vortoj troviĝantaj en PIV? Ĉu per la PIV-vortoj kaj ankaŭ per la aŭtoraj vortoj? Aŭ verki, traduki kiel oni volas, nur klarigi la signifojn de la vortoj en glosaro.

Ĉu ankaŭ la movado evoluis samritme, atingis la saman nivelon en la evoluo kiel la lingvo? La respondo estas sendube: ne. Supozeble pro tio, ĉar la lingvon evoluigas fakuloj, lingvistoj, profesoroj de lingvoj. (Komparu la eldonitajn prilingvajn librojn kun la primovadaj eldonaĵoj. Aŭ la konferencojn). La movadon direktas, gvidas landaj asocioj, kluboj de ne fakuloj pri la organizado, informado (propagando), gazetredaktado ktp., sed ofte nur entuziasmaj samideanoj kaj ni diru sincere, sen materia bazo, kaj la movadaj organizoj vivas-vivadas el la modestaj monataj kotizoj. La nuna organiza formo, ekde UEA ĝis la kluboj ne ŝanĝiĝis jam de jardekoj kaj tiel ŝajnas, ke ĝi ne ŝanĝiĝos en la proksima futuro, do, la evoluo ĉi-forme kvazaŭ rigidiĝus. Ĉu la kursanoj ekscias ion pri la organizo de Esperanto? Laŭ la statistiko nur eta parto de la esperantistaro /ĉ. 10—15 %) aliĝas al iu klubo. Ankaŭ UEA ne kapablas altiri al si la esperantistojn, ĉar ne estas „altiriloj".

Unu el la kaŭzoj — miopinie — estas, ke UEA ne havas modernan, niatempan movadan organon, kiu digne reprezentus la tutmondan organizon, tiun de Esperanto, kaj kiun la UEA-anoj kaj la simplaj abonantoj avide atendus ĉiumonate. Granda manko de la movado, ke ĝi ne havas „Spiritan Centron", de kie elradius nia lingva kaj literatura kulturoj.

Per la evoluo de Esperanto vivantiĝis apud la oficiala movado, alia movado, pli ĝuste „esperantista agado", Esperanto en la praktiko. La movada vivo estas la kontakto de la esperantistoj kun la esperantistoj. La ekstermovada agado estas la kontakto de la esperantistoj kun la neesperantistoj. Mi mencias nur du aferojn: la esperantlingvaj radiodisaŭdigoj kaj la instruado de Esperanto en la lernejoj, precipe en la universitatoj. Ambaŭkaze la neesperantistoj kompetentuloj traktas Esperanton kiel egalrajtan lingvon, sendepende de tio, ĉu en la koncerna lando ekzistas „forta movado" aŭ ne. Esperanto kiel lingvo estas egalrajte traktata. Hodiaŭ ambaŭ agadoj estas ege gravaj. La estontecon oni ne konas. Same gravas la poresperanta elito kaj la peresperanta elito. Kaj ne forgesu pri la dialogo, inventaĵo de nia epoko.

Dum la esperantistoj lernas, legas, parolas, organizas, vojaĝas, klubvivas, ili ofte forgesas pri la plej grava: la disvastigo de Esperanto. Ni esperantistoj scias KION ni volas disvastigi — Esperanton —, sed ni ne scias KIEL? Jen la plej gravaj amaskomunikiloj: Gazetaro — Radiofonio — Televizio. Sed ili estas en la manoj de la neesperantistoj. Kaj senpage kiu el ili okupiĝas pri Esperanto? Fojfoje aperas mallongaj priesperantaj sciigoj en la naciaj ĵurnaloj, eĉ favoraj artikoloj en grandaj mondgazetoj, prelego en radio, evento en televido. Ĉio ĉi estas „kiel guto en la maro". Priesperanta faldfolio en dekmil ekzempleroj eldonita de iu Esperanta organizo, ne povas altiri la atenton al la lingvo. (Pri ĉi problemo aperis mia artikolo en HdE 21. 12. 83. „Ĉu nur indiferenteco?" kaj en Budapeŝta Informilo 2/84 „Forĝu feron . . .") Kaj se doniĝus por ni la KIEL, ĉu ni scius diri la KION al milionoj da homoj? Ne la kliŝitan tekston: facila, belsona, korespondado, iu politikisto tion diris, sindikatestro tiel opiniis ktp. En kelkaj landoj la gvidantoj nun eksperimentadas, kiel disvastigi Esperanton sen lernolibro. Ili forgesas, ke „du lernolibroj de Esperanto en montrofenestro estas pli efika ol la plej belaj frapfrazoj pri Esperanto."

Ni proksimiĝas al la centjariĝo. Per komuna forto ni silentigu la lingvajn reformantojn (miaopinie „lingvaj deformantoj"), eĉ se akademianoj kaj la denove aperintajn „krokodilologojn", kiuj volas revivgi la knabaĉan kutimon, ke esperantistoj dum kongresoj, kunvenoj donu rampulajn nomoj (krokodilo, aligatoro, kajmano ktp.) unu al alia, se iu estas tiel kuraĝa (aŭ stulta) kaj ekvoĉas ekz. en la koridoro, en sia gepatra lingvo.

Mi surpaperigis pensojn, ne solvojn. Eble ĝi povas esti rigardata kiel publicaĵo. Se ĉio estas bona kaj en ordo en la nuna stato kaj la tuŝitaj problemoj, demandoj ne ekzistas, nu, bone, mi eraris. Sed neniu pensu, ke pri kio oni ne parolas, tio ne kezistas. Ankaŭ mi konscias, ke ĉio ne povas esti solvita de unua tago al la sekvanta. Sed prisilenti ilin, jen kio ne estas permesata, eĉ tio estas jam kulpo kontraŭ Esperanto.

**Rim. de la redakcio**
**Reagoj al la artikolo de d-ro Nagy estas bonvenaj.**

**Forpasis Zbigniew Dobrzyński**

**Kun konsterniĝo oni povis legi, ke forpasis la 14an de majo 1984 la konata pola aktoro Zbigniew Dobrzyński el Varsovio. Famiĝintaj en pola filmoj kaj teatraĵoj li kune kun sia edzino, same aktoro, Kalina Pienkiewicz, fondis antaŭ jardeko la Esperanto-teatron Anton Grabowski. La paro ludis dum universalaj kongresoj kaj sur turneoj en diversaj landoj kelkajn esperantigitajn teatraĵojn. En GDR konatiĝis „Proksima nekonato" de A. Ścibor-Rylski kaj „Hipnoto" de A. Cwojdziński. Zbiŝko tro rapide foriris. Liaj amikoj memoros lin. Al la vidvino GDREA esprimas profundan kondolencon. CE GDREA**

## Jubileo de Radio Polonia: 25 jaroj en Esperanto

La 4-an de aprilo 1984 pasis la 25-a datreveno de la E-elsendoj de Radio Polonia. La elsendoj — starigitaj provizore por kelkaj monatoj (pro la proksimiĝanta 44-a Univesrala Kongreso de Esperanto en Varsovio en 1959) — baldaŭ fariĝis firma ĉenero en la sfero de la faka utiligado de la Internacia Lingvo. La amasa perletera subteno, kiun ricevis la Redakcio, montris grandan interesiĝon de la diverslanda aŭskultantaro pri Pollando kaj pri la E-movado tutmonde kaj en la patrujo de la internacia lingvo. Ĉio ĉi kaŭzis, ke en la jaro 1968 oni plivastigis la Esperantlingvan radiogramon per du pliaj ĉiutagaj, kaj en 1983 venis la sesa (!) ĉiutaga elsendo. Per tio la Esperanto-Redakcio de Radio Polonia atingis absolutan rekordon en la historio de la movado kaj nun aŭdigas ses duonhorajn elsendojn ĉiutage! En la jam preskaŭ 25-jara historio de la elsendoj paralele kun la pliampleksiĝo de la programo oni endondukis pli kaj pli da E-temoj. Al „Esperanto-Ekspreso" aldoniĝis „Leterkesto" (nun „Radio-Forumo"), „Revuo de E-revuoj", sonraportoj pri E-aranĝoj kaj intervjuoj pri polaj kaj Esperantaj temoj kun diverslandaj esperantistoj. Sed aparte rimarkindaj estis la ampleksaj sonraportoj pri Universalaj Kongresoj. Krom tio oni aŭdigis multajn sonraportojn kaj intervjuojn post prelegvojaĝoj kaj vizitoj de redakcianoj en eksterlando. Tamen plej multe da atento oni dediĉis al la lasta UK en Budapeŝto, pri kiu oni raportis ĉiutage (kaj samtage!) en ses elsendoj, kaj poste oni aŭdigis la serialon „Ni travivu la budapeŝtan kongreson refoje" (8 elsendoj 15-minutaj!). Entute en la jaro 1983 oni aŭdigis 204 (!) sonraportojn kaj intervjuojn kun esperantistoj (ĉefe pri E-temoj).

En la 25-jara historio de la ĉiutagaj elsendoj aparte rimarkindas la literaturaj programoj, en kiuj preskaŭ ĉiusemajne dum 20 - 25 minutoj oni rakontis pri polaj kaj e-istaj verkistoj kaj oni prezentis fragmentojn de iliaj verkoj (i. a. de W. Auld, M. Boulton, A. Grabowski, L. Zamenhof, K. Bein, K. Kalocsay, J. Baghy, B. Ragnarsson, R. Schwartz, G. Deŝkin, E. de Kock, J. J. Dinwoodie, H. Sienkiewicz, B. Prus, E. Orzeszkowa, St. Lem, M. Dabrowska, Konopnicka, A. Mickiewicz, J. Slowacki, J. Korczak). Specimenoj de literaturaj programoj de Radio Polonia troviĝas en la Magnetofona Servo de UEA. Entute en la 25-jara periodo oni pretiĝis ĉ. 1300 literaturajn elsendaĵojn; multajn verkistojn oni prezentis plurfoje, aŭdigante diversajn specimenojn de iliaj verkoj.

La aktualan program-informilon pri la elsendoj oni povas ricevi senpage ĉe: Radio Polonia, Esperanto-Redakcio, PL 00-950 Varsovio, Box 46 Pollando.

(Laŭ Budapeŝta Informilo 4/84)

**Informoj el la komputera mondo**

Cabak, F.: Komputika vortaro Esperanta-ĉeĥa / ĉeĥa-Esperanta. Ĉeĥa Esperanto-Asocio Praha 1982. 30 pĝ.

Aperis ĉe ĈEA ĉeĥa suplemento al la en fakrondoj konata kvinlingva komputerteknika vortaro (Budapest 1972). Ĉiu fakulo tradukema aŭ korespondema povas bone uzi ĝin kiel bazo por la propra verkado. Indas atentigo, ke la modelo kompiliĝis antaŭ pli ol dek jaroj, kiam mikroprocesoroj kaj mikrokomputeroj tute ne ekzistis. Intertempe kelkaj konceptoj ŝanĝiĝis.

S-ro C. Bertin, verkinto de pluraj prikomputeraj libroj, laboradas pri aktuala komputera vortaro. Ĝi fundamentas je la supre menciita hungara vortaro, la franca kaj la ISO-normoj. La diskutadon partoprenas pluraj diversnaciaj fakuloj. Pliaj kunlaborantoj estas bonvenaj!

Adreso de s-ro Bertin:
CCETT AIS, Rue du Clos Courtel, B. P.: 59, F—35510 CESSON-SEVIGNÉ

**Hejmkomputeroj el GDR**

Dum la Leipzig-a foiro en printempo 1984 prezentiĝis la unuaj hejmkomputeroj produktotaj en GDR: HC 900 de VEB Mikroelektronik Mühlhausen kaj ROBOTRON Z 9001. La komputero HC 900 estas la plipova, ĝi estas kolorkaj muziktaŭga. Ĉe ambaŭ fiksa estas nur la reĝima programo (operacia sistemo je 4 KByte), aliaj programoj (BASIC-interpretilo, asemblilo, ludoj) estas haveblaj sur kasetoj aŭ ROM.

**Michael Lennartz**

# Konkurso pri Pollando

Skribas al ni Radio Polonia, Esperanto-Redakcio:

Karaj geaŭskultantoj!

La pasanta nunjara 40-jariĝo de Pola Popola Respubliko inklinigas al la ŝpinado de pensoj, kiuj ĉirkaŭprenas ne nur la pasintecon, sed ankaŭ la nunon kaj la vizion de nia estonteco. La jubilea jaro fariĝis en nia lando periodo de profunda diskuto pri la trapasita vojo, pri la premisoj de niaj atingoj kaj fontoj de nesufiĉaĵoj, pri la socialismaj transformiĝoj en Pollando kaj pri ilia signifo por nia tuta nacio.

Nian propran bildon de la Jarkvardeko ni dezirus kompletigi per la opinioj kaj pensoj de niaj aŭskultantoj kaj ĉiuj, kiuj sintenas kun simpatio al la pola popolo. Ni kredas do, ke ankaŭ vi volos prezenti al ni viajn rimarkojn pri tio:

**Kio karakteriza en la pola realo de la pasinta Jarkvardeko asociacias ĉe vi kun Popola Pollando kaj kiaj — lige kun ĉi tio — venas al vi pensoj? (oni povas prezenti unu aŭ kelkajn ekzemplojn)**

Modesta kontribuo al la Jarkvardeko de Popola Pollando estas — laŭ nia opinio — la ĉiutagaj Esperanto-elsendoj de Radio Polonia, kiuj jam 25 jarojn servas al la vastskala informado pri la naskiĝlando de Ludoviko Zamenhof kaj Esperanto kaj praktike kontribuas al la rapida informado ene de la internacia E-movado.

Lige kun la nunjara duobla jubileo de niaj radio-elsendoj (la 4an de aprilo — la 25-a datreveno de la unua disaŭdigo, la 14-an de de aprilo — la 25-mila radioelsendo) ni petas niajn geaŭskultantojn kaj ĉiujn radioamikojn tra la mondo pritrakti la jenan temon:

**Kio igis vin aŭskulti (aŭ: kial vi aŭskultas) la Esperanto-elsendojn de Varsovio? Kian signifon por vi persone, por via informiĝo pri Pollando, havas la E-elsendoj de Radio Polonia?**

Vian pritrakton de ĉi tiu kroma temo (pri niaj E-elsendoj) sendu al ni en la sama koverto kune kun la unua temo, sed tamen nepre sur aparta paperfolio, por faciligi nian administran laboron kaj la lotumadon de premioj. Sur ĉi tiu kroma paperfolio ankoraŭfoje skribu (tre klare) viajn nomon kaj adreson.

La konkurson povas partopreni ankaŭ tiuj, kiuj ne aŭskultas, sed tamen volas prezenti sian ĝeneralan opinion pri la valoro de la esperantlingvaj radioelsendoj por la movado. La duoblan konkurson oni povas partopreni nur per la respondo al unu el la temoj aŭ per du respondoj (aparte pri la Jarkvardeko kaj aparte pri la Jardudekkvino), ĉar tiam oni havos la ŝancon gajni eĉ du premiojn. Pri la amplekso de la respondo ĉiu persono decidu mem, sed ni estus dankemaj ankaŭ pro iom vastaj respondoj.

La konkursaĵojn oni sendu laŭ la adreso: Radio Polonia, Esperanto-Redakcio, „Konkurso", 00—950 Varsovio, Box 46, Pollando, — ĝis la 30-a de novembro 1984. Kiel kutime decidas la dato de la poŝta stampo.

La rezultoj de la konkurso estos anoncitaj en ĉiuj niaj elsendoj la 31an de januaro 1985.

Inter la partoprenantoj de la konkurso ni lotumos multe da objektaj premioj en la formo de elfaraĵoj de pola popolarto, sondiskoj kaj sonkasetoj kun registraĵoj de pola serioza, popola kaj distra muziko, fotoalbumoj pri la historio kaj nuno de nia lando. Krome ni lotumos E-librojn, inter kiuj troviĝos „Lingvo internacia" de Doktoro Esperanto (el 1887).

Ni tutkore invitas vin partopreni nian duoblan konkurson kaj petas diskonigi ĝin inter viaj gekonatoj, leteramikoj, samklubanoj, partoprenantoj de E-kursoj kaj membroj de Esperantistaj Radio-Kluboj. Ni estos tute aparte dankemaj al la redaktoroj de E-revuoj, kluboj kaj bultenoj pro la publikigo de la informo pri nia duobla konkurso en plena aŭ mallongigita varianto.

Uzante la okazon ni deziras rememorigi, ke en niaj elsendoj ni dediĉas multe da atento al polaj kaj E-movadaj temoj, kiujn ĉefe ni mem elektas kaj enprogramigas. Tamen nun — okaze de nia Jubileo ni dezirus inviti vin al la kunredaktado de la elsendoj. Ni proponas nome, ke vi sendu al ni liston de la proponataj de vi konkretaj temoj polaj kaj E-movadaj, kiujn — laŭ via opinio — ni devus pritrakti en la proksima estonto. La listigitajn temojn sendu sur aparta paperfolio, sed en la sama koverto. Fariĝu Kunredaktoro de viaj Esperanto-elsendoj!

Finante ni refoje invitas vin partopreni nian duoblan konkurson kaj deziras al vi bonŝancon dum la lotumado de la premioj.

Radio Polonia, Esperanto-Redakcio

**Konstanta konkurso**

En nia „konstanta konkurso" aŭtomate partoprenas ĉiuj korespondaĵoj, en kiuj niaj aŭskultantoj prezentas sian opinion pri la pritraktitaj de nia polaj kaj internaciaj temoj, pri niaj elsendoj ĝenerale. La ĵurio atribuas la premiojn minimume unu fojon monate (la rezultojn oni anoncas en „Radio-Forumo"). La konkursan opini-prezenton skribu sur aparta paperfolio kune kun la perciza adreso de la sendinto kaj kun la titolo „konstanta konkurso".

Nia adreso: Radio Polonia, Esperanto-Redakcio, 00—950 Varsovio, Box-46, Pollando.

**Sonbenda servo de GDREA**

Ne forgesu, ke ankaŭ la regula aŭskultado de sonbendoj helpas akiri internacian prononcadon. Petu la programon ĉe Klaus-Dieter Dungert, 3027 Magdeburg, Albin-Brandes-Straße 3.

## Radio Polonia disaŭdigas ĉiutage ses elsendojn en la lingvo Esperanto!

### Majo 1984 — Novembro 1984

Radio Polonia disaŭdigas en Esperanto ĉiutage de pli ol 25 jaroj; la 4an de aprilo 1984 oni festis la 25jariĝon de la agado kaj la 14an de aprilo 1984 oni aŭdigis la 25milan elsendon.

En la disaŭdigoj apud novaĵoj, komentarioj pri polaj kaj internaciaj temoj, oni parolas pri soci-ekonomiaj, scienc-teknikaj, kulturaj, turismaj junularaj, sportaj kaj muzikaj temoj, kaj ankaŭ tre vaste pri la E-movado en Pollando kaj en la mondo.

Konstantaj programeroj

(la horoj estas indikitaj laŭ la universala tempo /GMT/, al kiu — en la landoj de la mezeŭropa tempo — vintre oni aldonas unu horon, somere — du horojn)

Ĉiutage — escepte de dimanĉoj kaj festotagoj:

novaĵoj — 11.00, 15.30, 16.30, 19.30 (sabate nur — 11.00, 15.30, 16.30) trarigardo de la varsovia gazetaro — 11.00, 15.30 (sabate nur 11.00)

Lunde
5.30 — Esperanto-ekspreso (R)
11.00 — Kultura magazino (R)
15.30 — Sporto
16.30 — Kultura magazino (R)
19.30 — Aktuala temo; sporto (R)
21.30 — Aktuala temo; Koncerto kun bondeziroj

Marde
5.30 — Koncerto kun bondeziroj (R)
11.00 — Koncerto kun bondeziroj (R)
15.30 — Aktuala temo; aŭ: E-temo
16.30 — Trarigardo de la E-gazetaro
19.30 — Aktuala temo; Koncerto kun bondeziroj (R)
21.30 — Tarigardo de la E-gazetaro (R)

Merkrede
5.30 — Trarigardo de la E-gazetaro (R); polaj temoj
11.00 — Trarigardo de la E-gazetaro (R); polaj temoj
15.30 — Polaj temoj
16.30 — Pollando hodiaŭ (magazino)
19.30 — Polaj temoj
21.30 — Pollando hodiaŭ (R)

Jaŭde
5.30 — Pollando hodiaŭ (R)
11.00 — Pollando hodiaŭ (R)
15.30 — Polaj temoj
16.30 — Polaj temoj
19.30 — Muzika magazino
21.30 — Literatura elsendo

Vendrede
5.30 — Muzika magazino (R)
11.00 — Muzika magazino (R)
15.30 — Radio-Forumo (leterkesto)
16.30 — Polaj temoj
19.30 — Trarigardo de la E-gazetaro (R)
21.30 — Intervjuo(j) pri polaj aŭ E-temoj

Sabate
5.30 — Kultura magazino
11.00 — Radio-Forumo (R)
15.30 — Panoramo de internaciaj eventoj
16.30 — Esperanto-ekspreso (magazino)
19.30 — Esperanto-ekspreso (R)
21.30 — La semajno en Pollando; Radio-Forumo (R)

Dimanĉe
5.30 — La semajno en Pollando; Radio-Forumo (R)
11.00 — Literatura elsendo (R)
15.30 — Programero por komencantoj; E-ekspreso (R)
16.30 — Literatura elsendo (R)
19.30 — Kultura magazino (R)
21.30 — Programero por komencantoj; E-ekspreso (R)

Atenton! R = reaŭdigo, ripeto de la programero. Ni rezervas al ni la rajton laŭbezone ŝanĝi la progrmon!

---

## Estona Panoramo

En Estonio aperis en Esperanto „Estona Panorama". Ĝi enhavas 24 artikolojn pri vivo en Estonio, pri arto, historio, kulturo, E-movado, ekonomio k. t. p.

En 1982 Tartua Universitato celebris la 350an datrevenon de sia fondiĝo (en Tartu estis ankaŭ gastoj el GDR). En la libro estas artikolo pri universitato „Unu el la plej malnovaj en Eŭropo". Estas ankaŭ 2 noveloj de verkisto Jaak Joerüüt „Sorto" kaj „Urbo de la patrujo".

Sur la unua kovrilpaĝo estas ĉefa konstruaĵo de la Tartua Universitato kaj gestudentoj.

La libro estas riĉe ilustrita per kolor- kaj nigra-blanka bildoj. Eldonkvanto: 3000.

Elmar Ratassepp

**Saĝa konsilo**

Direktoro de granda uzino demandis per la „nigra tabulo":

„Kion ni povus fari, por atingi, ke ĉiuj niaj dungitoj estus akurate je la signalo de la sonorilo sur siaj laborlokoj?"

La saman tagon iu skribis sube: „Lasu sonorigi tiun, kiu venas kiel la lasta".

**Rekordo!**

Post ekzerco de brulalarmo en registara palaco de Stockholmo la ĉefo de la oficejo invitis la estron de fajrobrigado, ĉeesti provalarmon. Kiam eksonis la sonorilo, ĉiuj 166 dungitoj estis forlasintaj la kvaretaĝan domon post tri minutoj kaj dek sekundoj. Ĉiu estis fiera kaj kontenta. Sed kiam la sonorilo anoncis la finon de la labortempo, la granda domo estis tute malplena dum du minutoj. (Tr. A. Kraushaar)

# Kiel aŭskulti pli bone?

Ni prezentas kelkajn simplajn konsilojn al tiuj personoj, kiuj ne estas fakuloj pri la aŭskultado de mallongondaj elsendoj.

**Radioricevilo:** Kontrolu, ĉu en via radioaparato estas la ondolongoj, kiujn uzas Radio Polonia: se ne, laŭeble havigu al vi tian aparaton; ĉe la aĉeto petu fakulon, ke li/ŝi helpu vin elekti laŭeble bonkvalitan radioricevilon kun mallongaj ondoj.

**Skalo:** Ne en ĉiu radioaparato troviĝas skalo kun bonaj ciferaj indikoj; se ĝi mankas, surgluu laŭlonge de la skalo mallarĝan paper-strion, sur kiu antaŭe signu per linilo milimetrajn kaj centimetrajn distancojn; kiam vi trovos ĉiujn lokojn de niaj disaŭdigoj, notu en kajereto la horon, ondolongon en metroj aŭ kilohercoj kaj milimetran lokon (ekz. 21.30 h. — 41 m — 23-a milimetro); tiamaniere pli poste (aitage) vi pli facile povos trovi nian stacion.

**Kurento kaj piloj:** Se vi uzas kurenton, kontrolu, ĉu la tensio ĉiam estas ĝusta; se ne uzu amplifilon (ĝi estas pliigilo de la elektra energio); se vi uzas pilojn, ne forgesu de tempo al tempo ŝanĝi ilin kaj enmeti la novajn.

**Anteno por la meza ondo:** Kutime ĝi troviĝas en la aparato mem; por plibonigi la akceptadon iom turnu la aparaton dekstren aŭ maldekstren laŭ la vertikala akso kaj elektu plej taŭgan pozicion; se vi loĝas en granda dombloko, proksimigu la aparaton al la fenestro.

**Teleskopa anteno:** Se la anteno estas eltirita kaj la ricevado ne estas tamen kontentiga, provu unue nur proksimigi vian manon al la anteno (kelkfoje ĉi tio helpas), due — tuŝu perfingre la antenon, iafoje per tio la akceptado pliboniĝas, ĉar la homo mem fariĝas kroma anteno; trie — prenu la aparaton kun la eltirita anteno kaj delikate, por ne rompi la antenon, iom klinu ĝin aŭ eĉ metu horizontale kaj iom-post-iom turnu vin ĉirkaŭ via akso por elekti la plej bonan direkton; kvare — kun la aparato, kies anteno estas eltirita, malrapide iru tra la ĉambro, aŭ eĉ iru en alian ĉambron, por trovi lokon, en kiu la aŭdebleco estas plej bona; tre ofte ekz. en la loko, kie kruciĝas la subteraj akvovejnoj la ricevado estas pli bona, cetere apud riveroj, lagoj kaj ĉe la maroj — la aŭdebleco estas ĝenerale pli bona, samkiel post la pluvo, tempesto aŭ neĝado.

**Ekstera anteno:** Se en la aparato mankas anten-ŝtopilingo, alfiksu la kablon al la teleskopa anteno kaj senmovigu ĝin, la alian finaĵon alfiksu al ekz. metala anso de glaciŝranko, radiatoro, akvokondukila tubo (la lokon de la alfikso nepre purigu per tranĉilo); Ĉio ĉi estas provizoraĵo, la veran eksteran antenon, kiu konformos al via aparato, certe helpos al vi instali fakulo — radioteknikisto. Tre ofte la aŭdebleco varias de tago al tago, eĉ en du lokoj de la sama urbo aŭ de la sama domo, ekz. en la unua kaj sepa etaĝoj — la aŭdebleco povas esti malsama. Oni do ne seniluziiĝu, sed provu kapti la elsendon denove kaj laŭbezone oni petu la konsilon de fakulo-radioteknikisto. Tamen ĉiam oni memoru, ke bonkvalita mallongonda radioricevilo preskaŭ ĉiam ebligas bonkvalitan akceptadon de mallongondaj elsendoj.

**Atenton!** Se vi bezonas stokon da program-informiloj pri niaj E-elsendoj por via E-klubo, E-kurso, k. t. p., tuj skribu al ni. La program-informilojn ni sendas senpage. Nia adreso: Radio Polonia, Esperanto-Redakcio, 00—950 Varsovio, Box 46, Pollando.

## „Metodiko en la praktiko"

Tiu ĉi 122paĝa titolo pri problemoj de la Esperanto-instruado, redaktita de Zsuzsa Barcsay, aperis 1982 samtempe en Paderborn (FRG) kaj ĉe Hungara Esperanto-Asocio (Budapest). Ĝi nun ankaŭ estas havebla ĉe Ungarisches Kulturzentrum, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Straße 9.

La hungara paralela eldono portas la numeron ISBN 863 571 1077 kaj kostas ĉirkaŭ 15 markojn.

Komparu la recenzon de Sabine Fiedler en „der esperantist" 118 (2/1983), p. 40.

## Fostokirkoj de Norvegujo

La reĝa norvega ministerio en Oslo eldonis prospekton pri la fostokirkoj de Norvegujo de Roar Hanglid.

Temas pri mezepokaj preĝejoj konstruitaj el lignoj. La 8-paĝa ilustrita broŝuro entenas interesan materialon pri frumezepokaj artaj arkitekturaĵoj. Ĝi haveblas ĉe Norvega Esperantista Ligo, Olaf Schousv. 18, Oslo 5, Norvegujo.

## Kvinlingva vortaro pri gisado

Barna Buza (H—4600 Kisvárda, Rósza F. u. 5, Hungario) preparas esperantan parton al la kvinlingva vortaro pri gisado. Tiu vortaro ekzistas ĝis nun por la lingvoj hungara, angla, franca, germana, rusa. Interesuloj kontaktu la aŭtoron.

## Esperanto en doktoriga disertacio

Dum januaro 1984 doktoriĝis Hartmut Sörgel per disertacio kun la temo „Sistemo de germanaj verboj en la elektronika, datumprilabora sfero kiel bazo por la lingvistika datumprilaborado, kompare kun anglaj kaj Esperantaj verboj" („Ein System der deutschen Verben im EDV-Bereich als Grundlage für die linguistische Datenverarbeitung mit einem Vergleich zu englischen und Esperanto-Verben"). La 133-paĝa disertacio estas akceptita de Humboldt-Universitato en Berlin. En sia tezo d-ro Sörgel ankaŭ mencias Esperanto-fakterminojn el la menciita fako kaj elstarigas ties klarajn (sin memdifinantajn) strukturojn. La disertacio ekestis sub gvido de prof. d-ro Georg F. Meier, membro de la CE de GDREA.

# Filatelo

## 5 poŝtaj Esperantostampoj 1983 en GDR

La poŝtejo Leipzig 1 uzis de la 11a ĝis la 16a de Marto 1983 memorigan stampon kun la teksto „Esperanto-Messetreffen" kaj „Sieger der Geschichte" (Esperanto-Foira Renkonto/ Venkintoj de la historio). La stampon ornamas portreto de la bulgara politikisto Georgi Dimitrov, kiu ludis elstaran rolon antaŭ la Germana Regna Tribunalo en la jaro 1933. Vivo kaj verko de Dimitrov estis ĉeftemo de tiu Esperanto-renkonto „IFER 83". (GDR 19)

Okaze de Esperantorenkonto printempe 1983 la poŝtejo Erfurt 1 uzis de la 25an ĝis 30an de Marto 1983 memorigan poŝtan stampon kun la teksto „4. Esperanto-Treffen". La stampo prezentas al ni la mondfaman katedralon de Erfurt, kie aktivis por certa tempo ankaŭ Martin Luther (1983 en GDR oni festis „Luther-Jaron"). Enkadre de la Esperanto renkonto la evangeli-lutera pastoro Hans-Jürg Kelpin, membro de la Centra Estraro de GDREA, faris prelegon pri vivo kaj verko de Martin Luther. (GDR 20)

Portreto de Jan Amos Komensky figuras en poŝta stampo, kiun la poŝtejo Finsterwalde 1 uzis por atentigi pri la 4a Internacia Medicinista Esperanto Konferenco 1983 en Poprad/ ĈSSR en germana lingvo. La stampilo funkciis de la 2a ĝis la 7a de Majo kaj la 4an de julio 1983. Comenius (1592—1670) en „Via lucis" profetis la tempon, kiam la homaro uzados universalan lingvon, nekompareble pli facilan ol etnolingvoj. (GDR 21)

La titola paĝo de „La Komunista Manifesto", eldonita de SAT antaŭ precize 50 jaroj en la jaro 1923 aperas en poŝta stampo, kiun uzis la poŝtejo Karl-Marx-Stadt 1 okaze de la Tago de la Esperanto Libro 1983 de la 10a ĝis la 15a de Decembro. (15an de Decembro 1859 naskiĝis L. Zamenhof) Tiu ĉi stampo samtempe atentigis pri la „Jaro de Karl Marx", celebrita 1893 en GDR. Inter Esperantologoj lastatempe populariĝis eldiroj de Karl Marx pri la evoluo de lingvo. Bedaŭrinde la poŝtejo fuŝlaboris kaj estas apenaŭ troveblaj legeblaj stampoj. (GDR 22)

Kontraste al tiu supre citita fuŝlaboro la poŝtistoj de la poŝtejo Leipzig 1 liveris kvalitan laboron. Ili aplikis klare legeblajn stampojn kun la portreto kaj esperanto teksto de „La Brava Soldato Švejk" okaze de la Tago de la Esperanto Libro 1983. En la jaro 1983 pretiĝis elstara, lingve modela, traduko de tiu ĉi mondfama romano de Jaroslav Hašek el la plumo de Vladimir Vana el Plzen. La Esperanto-tradukon aperigos Ĉeĥa Esperanto Asocio. La heredintoj de la aŭtoraj rajtoj de la famaj Lada — pentrajoj donis speciale la permeson, uzi la „portreton" de Švejk en tiu stampo, kiu funkciis de la 10a ĝis la 15a de Decembro 1983. (GDR 23)

Burmeister

## La 68a UK en Budapest

Je la tria fojo Budapest gastigis Universalan Kongreson de Esperanto. Spertaj Esperanto-filatelistoj kapablas pruvi ĉiujn tri kongresojn per poŝtaj Esperanto-filatelajoj:

En la jaro 1929 okazis en Budapest la 21a Universala Kongreso. Siatempe la hungara poŝto instalis specialan poŝtagentejon en la kongresejo kaj uzis por nuligi poŝtmarkojn memorigan poŝtstampon kun la teksto en la hungara: ESPERANTO KONGRESZUS XXI. La stampilo funkciis 2. — 9. augusto 1929.

En la jaro 1966 okazis en Budapest la 51a Universala Kongreso kaj tiam la hungara poŝto denove disponigis al la kongresejo specialan poŝt-agentejon kun memoriga poŝta stampo. La stampo surhavas tekstojn en la hungara kaj en Esperanto: 51a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO / VILAG KONGRESSZUS ESPERANTO. La stampilo funkciis de la 30. 7. ĝis 6. 8. 1966.

La 68a Universala Kongreso 1983 en Budapest estis por la filatelistoj la plej fruktedona. 29an de Julio la hungara poŝto eldonis specialan memorigan Esperanto-motivan poŝtmarkon en bela grafika aranĝo kun nominalo de 2 forintoj. Tiu ĉi poŝtmarko aperis apud la dentumita ankaŭ sendenta en ege limigita kvanto (5200 pecoj).

Aperis ankau aficiala poŝta koverto. Tiu estis uzita por Unuataga Koverto kun memoriga poŝta stampo kun la teksto ESZPERANTO VILAGKONGRESSZUS, BUDAPEST 4, 1983. VII. 29.

Sur la UTK krome troviĝas dua, kvarlingva (sed ne en E!) Unuataga Stampo. Dum la Universala Kongreso la hungara poŝto uzis duan memorigan stampon en la „poŝta giĉeto" de la kongresejo. Centre de tiu dulingva stampo troviĝis grandlitere la kongresa simbolo „UK" = Universala Kongreso. Tre kaŝe kaj sekrete tria poŝta stampo atentigis pri la 68a UK: En la vilaĝo ABAUJ-SZANTO, naskiĝloko de Kalocsay, funkciis 3an de aŭgusto memoriga stampo kun la hungara teksto: ESZPERANTO VILAGKONGRESSZUS RENDEZVENYE. Tiu ĉi vilaĝo estis celo de kongresa ekskurso.

Burmeister

## W. Auld

### Al mia amatino neesperantista

Eklerni esperanton vi evitas:
tre bone, kara scias mi la kaŭzon
de tio, ke vi kvazaŭ sentas naŭzon,
kiam mi ion esperantan citas.
Ho jes! Ĉu kredas vi, ke mi ne vidas
tiun subitan spasman spiropaŭzon?
Pri l' lingvo sentas vi ĵaluzotaŭzon,
ke mian amon vi kun ĝi dividas!
Kara, pripensu: ĉu ne bone estus
se pri la aferet' vi ne kontestus,
sed entreprenus Zamenhof-ekzercojn?
Ĉar tiam verte vivus vi pli home,
kaj sentus kun, ne kontraŭ mi — kaj krome,
vi poste povus legi miajn versojn.

Michael Lennartz

# Internacia Alfabeto por Komputeroj

Dum la lastaj jaroj oni povis observi diskuton en la E-movado pri la apliko de komputeroj (ĉefe mikrokomputeroj) por la lingvo Esperanto. Iuj senpretende jesis (estis tiuj, kiuj havis multekostan komputeron ekzemple por kompostado, kiu povas generi pli malpli ĉiujn latinidajn skribojn), aliaj strikte neis, ĉar ilia komputero (pli ĝuste ties presilo) scipovis nur klasikan anglan lingvon. Tria grupo uzis anglan alfabeton kun certaj alĝustigoj (ekzemple postmeto de x anstataŭ supersigno: ŝanĝi — sxangxi). Al tiu lasta grupo fakte apartenas ankaŭ mi. Germanoj simile devas transskribi ß — sz, ä — ae ktp.

Entute tiu diskuto prezentus (-us!!!) uzelan eblecon pruvi la nematurecon de Esperanto. Nematureco ĉefe de la movado, sed kiu eksterulo tion diferencigas?

## La lingvoj

Preskaŭ ĉiuj lingvoj en la mondo havas la saman problemon kiel E-to. Komputeraj klavaroj kaj vidigiloj tradicie havas usonan alfabeton, plej ofte eĉ dolar-signon! Super- kaj sub-signoj aŭ unikaj literoj (ekz. la germana ß, kiu eĉ ne posedas majusklan fraton) ne estas realigeblaj sen komplikaj operacioj. Sed en neniu lingvo (krom Esperanto!!!) oni diskutis, ĉu oni ŝanĝu lingvon kaj alfabeton pro tio. Tial mi skribis pri la nematureco de la movado. Hodiaŭ la fakrondoj ne diskutas, ĉu oni adaptu la homon al maŝino (do komputero) aŭ inverse. Estas tute klare, ke la maŝino devas esti konstruita laŭ la bezonoj de la homo.

## La kodo

Kiel la komputero traktas (procesoras) literojn?

Premante klavon, oni generas en la klavaro difinitan signalon. Tiu signalo prezentas nombron. Mikrokomputeristoj ĝenerale uzas deksesuman nombrosistemon indikatan per posta litero H. La klavo de litero A kreas eligon de signalo kun valoro 41H. La tuta angla alfabeto laŭ internacia standardo troviĝas en la bloko de 41H ĝis 5AH, minuskloj de 61H. Ne restas spaco por privataj celoj de aliaj skriboj. Por Esperanto tio tute ne taŭgas. Mi tial ellaboris kodon, kiu bazas sur la koncerna ISO-kodo, sed ne rigardas ĝin sanktaĵo. La internacia alfabeto enhavas ĉiujn ĉapelitajn literojn de E-to kaj la kompletan anglan alfabeton (q, w, x, y), oni povas kiel ĝis nun skribi ankaŭ aliajn skribojn:

a b c ĉ d e f g ĝ h ĥ i j ĵ k l
m n o p q r s ŝ t u ŭ v w x y z

En la kodo-tabelo ĝi okupas la blokon de 40H ĝis x 5FH (majuskloj) kaj 60H ĝis 7FH (minuskloj).

La malavantaĝo de tiu kodo estas ĝia nekongrueco al la internacie rekonata ISO-7-bita-kodo.

## La karaktrogenerilo

Komputeroj skribas ne nur literojn kaj ciferojn, sed multajn aliajn signojn. Oni nomas „karaktron" ĉiun prezenteblan grafikan simbolon. La detalo, kiu ŝanĝas la supre skizitan kodon al teknika formo (lumskribo sur ekrano, matrico de presilo), estas nomata karaktrogenerilo. Ĉi-kuna bildo montras la internacian alfabeton, kiel ĝi povas esti generata per helpo de unu aŭ pluraj stor-cirkvitoj. La bazo estas matrico de 7 x 9 punktoj (ekzistas ankaŭ aliaj matricoj, ĉi tiu validas por koloraj ekranoj de ROBOTRON). Tiajn matricojn uzas ekranoj kaj matricaj presiloj. Tiaj presiloj hodiaŭ estas tre disvastigitaj, sed ilia skribobildo estas iom nekutima.

## Tamen nesolvata

... restas du problemoj. Unue tiu de presibloj, kiuj estas nematricaj (ekzemple petal-radaj). Due mi devas konfesi, ke periferio (klavaro, ekrano, presilo) uzanta tiun kodon ne plu procesoras porgramojn verkitajn por ISO-kodo. Sed mi ne antaŭvidas industrian uzon de tiu propono (tiom forta la movado ne estas el ekonomia vidpunkto), unuopa amatoro aŭ tiu grupo de esperantistoj, kiuj interkonsentas pri ĝi, ne estos ĝeneta per tio. Multan plezuron!

# Neueste Nachrichten aus Grimmshausen

## Wider die Wölfe

In letzter Zeit häufen sich die Fälle, da mörderische Wölfe ihr Unwesen treiben. Wohl jedem wird noch das kleine Rotkäppchen in Erinnerung sein, das samt seiner bettlägerigen Großmutter von einem Wolf verschlungen wurde und nur durch das rechtzeitige und beherzte Eingreifen eines Jägers gerettet werden konnte.

Der brutale Überfall eines Wolfes auf die Familie Geiß, dem sieben Kinder zu Opfer fielen, verursachte weit über die Grenzen unseres Landes hinaus Aufsehen, obwohl — gerade weil — die sieben Geißlein noch in letzter Minute befreit wurden; wahrscheinlich war es die wundersame Rettung, die diese Fälle bekannt gemacht hat. Wie viele ähnliche Verbrechen aber — und mit weniger glücklichem Ausgang! — gibt es außerdem?

Und die Wölfe werden immer dreister! Unlängst fand ein Bauer vor den Toren unserer Stadt in seinem Keller einen Wolf, der sich derart an frischgeschlachtetem Fleisch gütlich getan hatte, daß er nicht mehr durch das Kellerfenster paßte, durch das er eingedrungen war, während sein Diebeskumpan, ein Fuchs, noch entwischen konnte.

Was, so fragen wir, gedenkt man zu tun, um diesem Treiben endlich Einhalt zu gebieten? Ist es noch nicht schlimm genug, daß unsere Wege und Straßen nicht mehr sicher sind? Daß die Mütter ihre Kinder nicht einmal mehr für eine Stunde im (verschlossenen!) Haus allein lassen können?

Was muß noch geschehen, bis etwas geschieht? Warum, so wird man doch fragen dürfen, wird die Armee nicht in Marsch gesetzt, um den Wölfen den Garaus zu machen?

Und wo, so muß man doch fragen, bleiben die vielgerühmten (und vor allem sich selber so viel rühmenden) Drachentöter? Ist ihnen ein Wolf als Gegner nicht gut genug? Sind ihnen öffentliche Anerkennung und allgemeine Dankbarkeit nicht Lohn genug? Greifen sie erst zum Schwert, wenn es eine Prinzessin und ein halbes Königreich zu gewinnen gibt? Es geht um unser aller Sicherheit, es geht um den Schutz und das Wohl unserer Kinder!

## Ein neuer „Magnetismus"

Noch ist das Geheimnis der Magnetsteine, die Eisen und Stahl anziehen, nicht gelöst, da verkündet eine Meldung aus Jotanien ein neues Naturrätsel: Dortselbst ist eine Gans aufgetaucht, deren Federn schimmern, als seien sie aus purem Gold. Wer die Gans berührt, wird derart stark von ihr angezogen, daß er sich nicht mehr lösen kann, und die solcherart „Magnetisierten" besitzen dann selbst eine so starke Anziehungskraft, daß man an ihnen haftenbleibt.

## Öffentliche Warnung

Vor einer Giftmörderin, die als Hausiererin verkleidet mit Schnürriemen, giftigen Kämmen und vergiftetem Obst durch das Land zieht und ihr mörderisches Unwesen treibt, wird gewarnt. Gefährdet sind vor allem junge, alleinstehende Frauen mit schwarzem Haar und schneeweißer Haut.

(Aus: Im Rathaus zu Groß-Schilda)

## Kondiĉoj:

Partopreni povas unuopuloj kaj kolektivoj.
Viaj tradukoj estu maŝinskribitaj sur formato A4 en kvar ekzempleroj.
La tradukojn sendu al: Dieter Berndt, 1020 Berlin, Berolinastr. 2
Limdato por la ensendoj estas ĉiam du monatoj post la apero de la unuopaj numeroj.
Ni distingos per libropremio la plej bonan por ĉiu unuopa tasko kaj ankaŭ tiun por la tuta jaro.

## Laste aperis

**(La listo ne estas librooferto, sed nur celas informi pri laste aperintaj gravaj libroj en Esperanto)**

— Distributed Language Translation. Feasibility Study of a Multilingual Facility for Videotex Information Networks, A. P. M. Witkam. Utrecht: Buro voor systeemmontwikkeling, 1983, 370 p. Ilus. 30 cm. ISBN 90 70730 01 4. Anglalingva raporto pri la projekta stadio de studo krei duonaŭtomatan traduksistemon, uzante Esperanton kiel pontolingvon; kun resumoj en la dana, franca, germana kaj nederlanda.

— Elpafu la sagon; El la buŝa poezio de la mondo, komp. Tibor Sekelj (1912), Rotterdam: UEA, 1983, 187 p. Ilus. 21 cm. Serio Oriento-Okcidento n-ro 18. ISBN 92 9017 025 5. Antologio de buŝa poezio, grandparte de popoloj, kies kulturo ankoraŭ ne estis reprezentita en Esperanto.

— En la koro de Eŭropo; Esperanto en arta kuirejo de ĉeĥaj poetoj kaj prozistoj, komp. Josef Rumler, Prago: Ĉeĥa Esperanto-Asocio, 1983, 32 p. 21 cm. Literaturajoj originalaj kaj tradukitaj kun komentarioj.

— Esperanta terminaro de terminologia fako, Jan Werner. Praha: Ĉeĥa Esperanto-Asocio, 1982, 14 p. Mimeo, 29 cm. Esperanta, ĉeĥa, angla terminaro, bazita sur rekomendo de Internacia Normiga Organizaĵo (ISO).*)

— Esperanto: jifunze lugha ya kiesperanto, Nino Vesella, Rotterdam: UEA, 1983, 56 p. 22 cm. ISBN 92 9017 026 3. La unua lernolibro por svahilingvanoj; laŭ adapto de Esperanto for Beginners de M. Butler, kun vortareto.

— Geodezia fakterminaro en ses lingvoj, komp. Csatkai, Winkler, Haszpra k. s. Budapeŝto: Budapesti Geodéziai és Térképészeti Vállalat. 1-a parto: Kompensuma kalkulado, kupera geodezio, landa mezurado, 1976 (322 p.); 2a parto: Instrumentoj, iloj, instrument-teknikaj nocioj, 1978 (388 p.); 3a parto: Elementa geodezio, parcelado, urb-ordigo, katastro, grundoklasifo, 1980 (374 p.); 4a parto: Topografio, 1981 (343 p.), 25 cm. En la lingvoj angla Esperanto, franca, germana, hungara kaj rusa.

— Geologia internacia, Volumo 4, red. E. D. Máfi. Institytut Geologiczny, 1982, 141 p. Ilus. 21 cm. ISBN 83 220 0181 9. Dek kvin fakaj artikoloj kun pollingvaj resumoj.

— Kiel diri . . .?; Praktika Esperanta frazeologio, L. Lentaigne. Laroque Timbaut: Laŭte!, 1983 (2a eld.). 143 p. Mimeo. 21 cm. Kvin mil vortoj esprimoj laŭteme aranĝitaj, kun alfabeta indekso. Utila suplemento al la Proverbaro.

— Komputika vortaro Esperanto-ĉeĥa, ĉeĥa-Esperanta, komp. František Cabák, Praha: Ĉeĥa Esperanto-Asocio, 1982, 30 p. Mimeo. 21 cm. Fakortareto, kiu rekte rilates al la kvinlingva hungara Komputil-teknika vortaro.*)

— Kroatio poezio. Komp. Ivan Krtalić. Red. Spomenka Štimec. El la kroata trad. diversaj. Zagreb: Internacia Kultura Servo, 1983, 296 p. 20 cm. Antologio, kiu prezentas la tutan riĉon de la kroata poezio dum la pasintaj 150 jaroj, per poemoj de ĉ. 70 poetoj en interpreto de dudeko da tradukintoj (i. a. Rotkvić, Vanĉik, Velebit, Brozoviĉ). Kun biografiaj kaj bibliografiaj notoj.

— Miedzynarodowa komunikacja jezykowa/ Internacia lingva komunikado, red. Tadeusz Ejsmont. Lódź: Uniwersytet Lódzki, 1983, 304 p. Mimeo. 24 cm. 25 pollingvaj artikoloj el konferenco, organizita de Studenta Scienca Esperantista Rondo de la Universitato de Lódź, kun esperantaj resumetoj.

— Originala verkaro (1929), L. L. Zamenhof. Komp. J. Dietterle (1866 — 1943). Osaka: Oriental-Libro. 1983 (fotorepreso). 604 p. Ilus. 22 cm. Bind. La unua klopodo kolekti originalajn verkojn de Zamenhof (antaŭparolojn, artikolojn, traktaĵojn, paroladojn, leterojn kaj poemojn), kiu ludis gravan rolon en la evoluo de la Esperanto-literaturo.

— Pelny podreczny slownik esperancko-polski; Du volumoj, komp. Tadeusz J. Michalski. Varsovio: Pola Esperanto-Asocio, 1982, 606 p. Mimeo. 20 cm. Esperanto-pola vortaro kun ĉiuj radikoj el pli fruaj polaj vortaroj.

— Sovetskaja interlingvistika; Annotiróvannaja bibliografija za 1946 — 1982 gg., komp. A. D. Duliĉenko, red. Paul Ariste. Tartu: Tartuskij Gosudardstvennyj Universitet, 1983, 88 p. 20 cm. Ruslingva bibliografio kun detaloj pri 410 sovetaj kaj aliaj verkoj interlingvistikaj.

— Vocabolario Italiano-Esperanto. Verona: Instiuto Italiano di Esperanto, 1981. 18 + 494 p. 17 cm. Vortaro kun ĉ. 25 000 serĉvortoj kaj skiza gramatiko.

— Vortaro japana-Esperanta. Kompilis Masao Miyamoto (1913), Tokio: Japana plej ampleksa (ĉ. 70 000 kapvortoj, kun multaj ekzemploj) japana-Esperanta leksikologia verko kaj verŝajne unu el la plej kompletaj vortaroj de la Internacia Lingvo.

— Curs elementar de esperanto, Agnat Florian Bociort (1924) kaj Mioara Lacrima Dobre. Timisoara: Universitatea din Timisoara, 1983, 131 p. 21 cm. 13-leciona elementa lernolibro por kursoj kun legaĵoj, kaj konversacia frazaro, ampleksanta duonon de la libro.

— Helpmaterialo por fakultativa kurso de Esperanto en 6—11a klasoj. Johannes Palu (1913). Tallinn. Eesti NSV Haridusmini-

steerium, 1983. 73 p. Mimeo. 19 cm. 40 legajetoj kun vortareto por oficiala lerneja instruado.

— Historio de la Esperanto-movado en Ĉeĥoslovakio; Iom da historio kaj iom da rememoroj. Stanislav Kamarýt (1883 — 1956). Praha: Ĉeĥa Esperanto-Asocio, 1983. 251 p. 20 cm. Kun ampleksaj (60p.) bibliografia kaj biografia indeksoj.

— Kiel kovi, Lin Songying. El la ĉina. Pekino: Ĉina Esperanto-Eldonejo. 1983. 24 p. Kolorilus. de Jiang Cheng'an kaj Wu Daisheng. 88-Es-196P. Rakonto pri laboremo por junaj infanoj.

— Laktisto de Mäekülа (1916). Eduard Vilde (1865 — 1935). El la estona trad. Valev Kruusalu. Tallinn: Eesti Raamat, 1983. 255 p. Ilus. 17 cm. Fama soci-psikologia romano, kies okazajoj estas el la fino de la 19a jarcento, pri la deziro iĝi bonstata je ajna kosto; postparolo de Aadu Hint.*)

— Malatentema virino, Fang Yang. El la ĉina. Pekino: Ĉina Esperanto-Eldenejo, 1983, 21 p. Kolorilus. de Zhou Xianche. 88-Es-197P. Rakonto pri malatenta patrino, por junaj infanoj.

— Nobela burĝo, La, Molière (Jean Baptiste Poquelin, 1622 — 1673). El la franca trad. Richard Levin (1902 — 1969). Parizo: UFE, 1983, 68 p. Ilus. 21 cm. Speciala literatura numero de Franca esperantisto, n-ro 347. Teatrajo, kiu ridindigas la novriĉulojn.

— Nokta flugo (1931). Antoine de Saint-Exupéry (1900 — 1944). El la franca trad. Henri Vatré (1908). Saarbrücken: Artur E. Iltis, 1983. 66 p. 20 cm. Jubilea eldonserio: 2 Beletro tradukita 2. Priskribo de la tragika aventuro de unu el la fruaj aviadistoj, la fama aŭtoro de la eta princo.

— Ora hakilo, Fang Yuan. El la ĉina. Pekino: Ĉina Esperanto-Eldonejo, 1983, 28 p. Kolorilus. de Yang Yongqing. 88-Es-195P. Rakonto pri la valoro de honesteco.

— Por la praktikantoj; Pluaj paŝoj al vivanta lingvo (2a eld. 1967). P. Babin. Baugé: Kulturdomo de Franclandaj Esperantistoj, 1983 (4a eld.). 85 p. Ilus. 27 cm. 20-leciona internacia lernolibro, taŭga por paroligi progresantojn.

— Vojaĝo tra orienta Afriko, José Starck. Spa: la aŭtoro, 1983, 16 p. 21 cm. Rakonto pri la spertoj de blinda belga esperantisto.

— Akcepti la eksterteranojn; Ili kreis la homon en laboratorio (1979), Rael, El la franca trad. J.-P. Rimbaldo. Rennes: la tradukinto, 1983. 166 p. Ilus. 21 cm.

— ... El la kara infaneco, Valo (pseŭdonimo). Laroque Timbaut: Laŭte!, Cercle espérantiste de l'Agenais, „Laŭte", 1983 (2a eld.). 103 p. Mimeo. 21 cm. Memoraĵoj de la aŭtoro de 1900 ĝis 1914.

— Historio de la Brita Laborista Esperanto-Asocio kaj Internacio de Proleta Esperantistaro, komp. Arthur Nobes. Kolektivo de britaj socialistoj, 1984 (sen bibliografiaj detaloj). 24 p. Ilus. 21 cm. Traktas precipe la intermilitajn jarojn ekde 1921.*

— Kunikloj de mia avo, La/Conigli di mio nonno, I. Giovanna Sarandrea. El la itala trad. Lina Gabrielli. Ascoli Piceno: Edizioni Gabrielli, 1983. 60 p. Kolorilus. de C. Noce. 31 cm. Dulingva eldono itala-Esperanta. Fabelserio Plejado. Biografia historio pri itala vilaĝo, kiu instruas kiel reagi al doloro kaj soleco.

— Seks-edukado kaj psikoterapio: integriĝo al mensa sano, E. James Lieberman. Liège: Someraj Universitataj Kursoj, 1983. 28 p. 27 cm. KT34.

— Apenaŭ bukedeto ... (1971). El la franca trad. Roger Bernard (1907). Saarbrücken: Artur E. Iltis, 1984 (2a eld.). 71 p. 21 cm. Jubilea Eldonserio: 2 Beletro tradukita 4. Poemoj el la franca literaturo, klasikaj kaj modernaj, plus kelkaj originalaj.

— Dolĉa gusto de l' paco, diversaj aŭtoroj. El la vjetnama trad. Nguyen Minh Kinh kaj Dang Dinh Dan. Hanojo: Fremdlingva Eldonejo, 1982. 50 p. 16 cm. Kolekto Hibisko. Tri rakontoj el nuntempa Vjetnamio.

— Dr. Zamenhofs sprachliche Gutachten (1921), Walter Lippmann (1895). Saarbrücken: Artur E. Iltis, 1984 (represo). 70 p. 21 cm. Jubilea Eldonserio: 3 Esperantologio 8. Germanlingva prilaboro de Lingvaj respondoj de Zamenhof, kun komentoj kaj klarigoj.

— Horizonto de soveta Litovio, red. A. Vaitilavicius k. a. Vilnius: Ilus. Mimeo. 29 cm. 4a kajero, 1979, 45 p. 5a kajero, 1980. 49 p. 6a kajero, 1983. 61 p. Kolektoj de diversspecaj beletrajoj kaj artikoloj plejparte pri la literaturo, lingvo, kulturo kaj socio de nuntempa Litovio.

— Latva-Esperanta konversacia vortaro, E. Jaunvalks. Riga: Avots, 1983. 174 p. Ilus. 17 cm. Bind. Laŭtema frazlibro kun 13-paĝa resumo de la Esperanta gramatiko.

— Oficiala situacio de la Esperanto-instruado en la mondo, komp. Germain Pirlot (1943). Oostende: la aŭtoro, 1983 (4a eld.). 18 p. Grafikajoj. Mimeo. 21 cm. Ĝisdatigita, laŭlanda priskribo.

— Tagebuch, Das/La taglibro, Johann Wolfgang von Goethe (1749 — 1832). El la germana trad. (1932) Kálmán Kalocsay (1861 — 1919). Saarbrücken: Artur E. Iltis, 1984 (represo). 20 p. Ilus. 21 cm. Jubilea Eldonserio: 3 Beletro tradukita 5. Dulingva eldono de 24-strofa poemo de la plej granda klasika germana verkisto.

— Technisch-industrielle Normung und Sprachnormung (1923); La psikoteknika ekzameno pri taŭgeco de maŝinindustriaj lernantoj (1924), Jakob Schenkel. Saarbrücken: Artur E. Iltis, 1984 (represo). 54 + 27 p. Ilus. Mimeo. 21 cm. Jubilea Eldonserio: 3 Esperantologio 7.

*) havebla ĉe GDREA

## Kiu memoras?

## El letero de sovetia esperantista veterano.

„Estimataj kamaradoj!

Eble por vi estas interesaj kelkaj memorajoj pri kunligoj inter sovetiaj kaj germanj proletaj esperantistoj dum la jaroj 1926 — 1928.

Dum tiuj jaroj nia lando nur komencis sian marŝon de malprogreso kaj ekonomia disfalo pro unua imperialista kaj posta civitana milito al konstruado de socialista teknika kaj ekonomia potenco. Tiujn jarojn mi loĝis en granda industria urbo Dnepropetrovsko. En komenco de dudekaj jaroj ĝi estis nomata Jekaterinoslavo. Post abiturientiĝo de meza teknika lernejo mi laboris en altforna fako de uzino kun nomo de kamarado G. J. Petrovskij — elstara aganto de Komunista Partio kaj soveta ŝtato. Dum 1903 — 1905 jaroj kamarado Petrovskij laboris en tiu uzino kiel tornisto kaj samtempe gvidis subteran organizaĵon de partio. Nia faka organizo de Komunista Junularo havis regulan korespondadon kun ĉeloj de junaj komunistoj en Drezden-Pischen kaj Halle-Merseburg. Mi tiam estis favora esperantisto, havis grandan internacian korespondadon kun esperantistoj de multaj landoj. La plej bonan korespondadon mi havis kun germanaj esperantistoj, kaj pere de ili mi sukcesis kunligiĝi kun ĉeloj de junaj komunistoj. Memkompreneble nun mi jam memoras nek nomojn nek adresojn, nek precize jaron — ĉu 1927, ĉu 1928.

Ni rakontis al niaj germanaj kamaradoj pri nia vivo kaj agado kaj ili pri sia.

Tiam ni estis ravitaj pro heroa laboro de germanaj komunistoj kaj ĉe ni estis tre disvastigita uniformo de junŝturmulo.

Kaj jen ni decidis, krom korespondado, je signo de nia frateco kaj komuna celo, reciproke interŝanĝi ruĝajn standardojn kun kamaradoj el Drezden-Pischen. Ni kolektis monon kaj mendis ĉe pentrista metiejo grandan ruĝan silkan standardon. Sur ĝi en la supro estis pentritaj du grupoj de uzinaj tuboj. Fumoj leviĝantaj el tiuj tuboj kunliĝiĝis en la mezo de la standardo (supre) kaj sur iu fumo estis pentritaj laboristaj brakoj en manpremo. Sube estis skribitaj la vortoj: „Ni unuiĝu per Esperanto".

Ni riskis sendi la standardon simple kiel poŝtpakajo al adreso de mia korespondanto. Ni tre maltrankviliĝis, ĉu atingos nia pakajo niajn kamaradojn. Kaj post unu aŭ du semajnoj ni fine ricevis leteron, en kiu kamarado sciigis min, ke nian standardon li ricevis. Poste li skribis, ke nia standardo estas bone transdonata al la plej bona ĉelo de junaj komunistoj.

Post kelka tempo ni ankaŭ ricevis ruĝan standardon de niaj kamaradoj. Sur ĝi per oraj fadenoj estis brodítaj vortoj: „Ich war, ich bin, ich werde sein". Tiu-ĉi standardo estis solene enmanigita al reprezentantoj de nia komsomola ĉelo dum tuturba kunveno. Sekretario de distrikta komitato de Komsomolo diris, transdonante la standardon al sekretario de nia faka ĉelo: „Sur standardo estas skribitaj vortoj — mi estis, mi estas, mi estos — sendube mi estis, mi estas, mi estos — komunisto".

Standardo de germanaj junaj komunistoj estis konservata en ejo de Komsomolo de nia fako pluran jaron.

Bedaŭrinde post kelka tempo niaj ligoj kun germanaj junaj komunistoj rompiĝis. Proksimiĝis jaroj de faŝismo.

Estas interese, ĉu, malgraŭ tiaj teruraj jaroj, loĝas nun en Drezden almenaŭ unu homo memoranta tiun tempon, kaj nian ruĝan standardon?

En la jaro 1931 mi finis vesperan fakultaton de Dnepropetrovska Metalurgia Instituto, kaj oni sendis min labori al Harkova Traktora Uzino. Tie mi estis aktiva membro de Internacia Revoluciista Helpo, kaj Esperanto multe helpis al mi en tiu laboro.

Regule ni ricevis ĵurnalojn „Internaciisto" eldonita en Berlino kaj AIZ, en kiu sur lasta paĝo estis esperantaj subskriboj. Pere de tiuj materialoj kaj ricevitaj leteroj ni aranĝis ekspoziciojn pri vivo de laboruloj en kapitalistaj landoj, kaj ilia batalo pro libereco.

Mi ricevis lastan grandan afiŝon de KPG kun la vortoj: „Ne permesu depreni salon de via pano!"

Jam post faŝista renverso mi ricevis malgrandan presajon, en kiu sub aspekto de reklamo por radioriceviloj estis preskribitaj agoj de faŝistoj. Tiu estis lasta sciigo el Germanio.

Post tiuj jaroj trapasis longa tempo, sed ili ne devas esti forgesitaj. Lecionoj de estinteco devas helpi al nuna germana kaj same al soveta junularo, trovi siajn rektajn kaj ĝustajn vojojn en nuntempo.

14. 11. 1983 Boriso Ŝipilin

285 200 Habvornaja, Ivano-Frankovskoj obl.
ul. 1 maja Nr. 27, kv. 3

**Postrimarko de la redakcio**

Kiu laborista esperantisto memoras pri la priskribitaj faktoj? Ili rekte rilatu kun la aŭtoro kaj samtempe informu „der esperantist".

## Go-Ludantoj

En aŭgusto okazis en Karlovy Vary Esperantista Go ĉampioneco. Por detaloj skribu al: s-ro Karl Stulz, Engelova 93, CS—36005 Karlovy Vary.

# KORESPONDDEZIROJ



**Ni publikigos nur tajpitajn koresponddezirojn!**

## Bulgario

Dentkuracisto, 58j., dez. kor. kun gekolegoj el GDR, prec. Ercmontaro, kol. bk, pm: d-ro Ivan Ĉunĉev, **4400 Pazardžik,** Ul. V. Levski 64B

## Ĉeĥoslovakio

Pavel Tůma (35j.), Nová Ves 218, **281 01 Velim** dez. kor. tutmonde pri turismo, kol. pm, bk, gramofondiskojn.

Oficistino, 37j., dez. kor. tutmonde pri vivo, ĝardenoj, turismo: Miloslava Amlerová, str. B. Němcové 376, **542 01 Žacléř**

## GDR

Studento, komencanto, dez. kor. kun geesp. el soc. landoj: Frank Randa, **1035 Berlin,** Dolziger Str. 15

Laboristo/kontrolisto, 28j., dez. kor. tutmonde pri muziko, literaturo, teatro: Peter Arndt, **2600 Güstrow,** Wilhelm-Pieck-Str. 81

## Rumanio

Hungara lernantino el Rumanio dez. kor. kun gelernantoj 17/18j.: Ildikó Mešter, **3295 Sovata,** str. Principalá 171, Ind. Mureŝ.

## Pollando

Mgr. Iwona Strachanowska, **85-090 Bydgoszcz,** ul. Powstánców Wlkp. 22 m. 48, preparante disertacion pri metodoj en E-instruado de infanoj, dez. kontakti instruistojn, kiuj havas materialon pri E-instruado.

Studentino, 25j., dez. kor. pri libroj, kino, teatro, kol. bk: Zonjo Grzelak, **05462 Radiówek,** 15 m 2, skr. Pocz 53, woj. Warszawa.

Rut Dorota, **41-804 Zabrze,** ul. Ligenzy 56, (25j.), dez. kor. tutmonde pri literaturo, turismo, fotografio, moderna muziko, kol. bk, turismajn prospektojn, diapozitivojn.

Inĝeniero, 35j., dez. kor. kun esp. el GDR pri turismo, skiado, kol. pm: Zygmunt Wons, **02-776 Warszawa,** Hirszfelda 6 m 20

Lernanto, 14j., dez. kor. tutmonde. Kol. ĉion pri faŭno k. flaŭro, pm, bk, diapozitivoj: Krzysztof Piotrowski, **51-122 Wroclaw,** ul. R. Kocha 1A.

Fraŭlino, 25j., dez. kor. pri poezio, popolarto, ĝardenlaboro: Malgorzata Popialkiewicz,

## Soveta Unio

Membroj de E-klubo en **Miass** dez. kor. tutmonde p. ĉ. t.

— Inĝeniero, 24j., Aleksej Fomin, **456320** Ĉelabinskaja obl., Miass, pr. Ĉerniŝevskogo, 6—29

— Inĝenierino/konstruistino, 26j., **456317 Ĉelabinskaja obl.,** Miass, ul. 8-Marta, 173—22, Nadejda Bubenec

— Intsruistino/pensiulino, 65j., Tatjana Koptjagina, **456304 Ĉelabinskaja obl.,** Miass, pr. Avtozavodcev 24—34

— Raja Zajnulina, **456323 Ĉelabinskaja obl.,** Miass, ul. Komsomolskaja 93, (25j.)

— Tornisto, 32j., Jurij Baŝkov, **456309 Ĉelabinskaja obl.,** Miass, ul. Jdanova 5—55

— Flegistino, 28., Lubovj Jerjomina, **456319 Ĉelabinskaja obl.,** Miass, ul. Uralskaja 81—2

— Inĝenierino, 36j., Valentina Jurlova, **456304 Ĉelabinskaja obl.,** Miass, Tuĥaĉevskogo 4—2

— Valentina Morozova, **456318 Ĉelabinskaja obl.,** Miass, ul. Popova II-38, (36j.)

— Lernanto, 16j., Vladimir Demenjov, **456300 Ĉelabinskaja obl.,** Miass, pr. Avtozavodcev 48—25

— Alla Trifonova, **456320 Ĉelabinskaja obl.,** Miass, pr. Ĉerniŝevskogo I-32, 30j., ped. en infanĝardeno.

Lernantino, 17j., dez. kor. tutmonde, kol. pm, bk, kalendaretojn:
Nadejda Gujeva, **601433 Vladimira regiono,** Vjaznika gubernio, poŝto ap. Oktjabrskaja 2, str. Rogovskaj, d. v. 36

Herausgeber: Kulturbund der DDR
Redaktion: 1080 Berlin, Charlottenstr. 60
Fernruf: 2 20 29 91
Verantw. Redakteur: Dr. Detlev Blanke.
Redaktionskommission: Hans Heinel, Werner Pfennig, Rudolf Hahlbohm, Ludwig Schödl. — Veröffentlicht unter der Lizenz-Nr. 648 des Presseamtes beim Vorsitzenden des Ministerrates der DDR. —
Erscheinungsweise: 6mal im Jahr. Preis pro Einzelheft 30 Pf.
Druck: Druckerei Aue, 9400 Aue,
Artikel-Nr. (EDV) 7928 3 2 16